XIIIa jaro. No 195 (11) ⭑ Monata ⭑ 5 novembro 1916

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

XV

**Resumo de la antaŭaj artikoloj.** — **1a Parto: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura.** — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo. — La komerca politiko dependas de la politika reĝimo. La protekcionismo estas la natura produkto de la interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi. — La rolo de la gazetaro. — 2a Parto: Fundamentoj de la federacio (ŝtatligo). Kongreso el la reprezentantoj de la ŝtatoj; ĝia organizo. Plenuma povo. Internacia polico. — Ekzameno de la ĉefaj kritikoj kontraŭ la federacio.

Grava estas la demando, ĉu la civilizitaj ŝtatoj ne estas tro malsamaj rilate al sia kompreno de la juro kaj rilate al sia politika organizo, por ke ilia unuiĝo estu realigebla antaŭ longa tempo. La argumento, kiu sin apogas sur la konstato de tiuj diferencoj, certe estas parte prava en tiu senco, ke la ekzisto de esence malsamaj jurideoj en la diversaj landoj neebligus ĉian interŝtatan organizon. Oni malfacile imagas internacian unuiĝon, en kiu kelkaj ŝtatoj estus regataj laŭ socialismaj principoj, aliaj laŭ absolutismaj aŭ laŭ teokratiaj ideoj. Sed nuntempe la civilizitaj nacioj ne plu prezentas tian diversecon de konstitucio. Pro la interdependeco de la ideoj kaj kredoj, la ŝtatoj estis alkondukitaj starigi sian internan organizon pli-malpli laŭ komunaj politikaj ĉefideoj. Sendube restas ankoraŭ gravaj diferencoj pri la formo de la registaro, la institucioj, la leĝaro, la metodoj kaj eĉ, ĉe kelkaj okazoj, pri la kompreno de la precipaj individuaj rajtoj (libereco de enloĝiĝo, libereco de asociiĝo, libereco de kultoj, k. t. p.). Tamen, en ĝenerala maniero, la jura sistemo, kiun alprenis la ŝtatoj, devenas el la sama kompreno. Nuntempe, ĉiuj modernaj nacioj akceptis konstitucian reĝimon, kiu, en diversaj formoj pli-malpli taŭgaj, permesas al la regatoj havi influon je la regantoj. En siaj ĉefaj linioj, la registara mekanismo estas simila: preskaŭ ĉiulande, la registaro konsistas el regnestro, hereda aŭ balotita, helpata de ministroj, kiuj gvidas la grandajn publikservojn; la leĝofarado estas plenumata de parlamento, ĝenerale konsistanta el du ĉambroj, el kiuj almenaŭ unu, periode rebalotata, reprezentas la popolon; la hierarkio de la tribunaloj estas starigita laŭ sama modelo; la administracio diferencas de lando al alia pli per siaj labormetodoj ol per sia interna organizo; fine, ĉar ili havas saman juran celon kaj ofte troviĝas antaŭ samaj politikaj, ekonomiaj aŭ socialaj demandoj, la ŝtatoj estis devigitaj ellabori leĝaron, kiu ĉe multaj okazoj sekvis

samajn tendencojn kaj alprenis samajn solvojn. Fakte, la malsameco pri leĝformoj estas malĉefa; la popoloj diferencas malpli per siaj leĝoj ol per la maniero, en kiu ili aplikas ilin kaj per siaj politikaj moroj. La konstitucio de Meksikujo estas kopiita laŭ la konstitucio de Usono; tamen, estus tute malĝuste kredi, ke ambaŭ landoj atingis saman politikan disvolviĝon.

La leĝoj devenas el ideoj kaj kredoj, kiuj preskaŭ ĉiam havas universalan karakteron. La principoj socialistaj aŭ liberalaj, demokratiaj aŭ konservativaj, katolikaj aŭ liberpensaj trovas adeptojn en ĉiuj landoj. Sed oni neniam forgesu, ke leĝoj redaktitaj laŭ samaj ideoj povas esti aplikataj kun tre malsamaj rezultatoj, laŭ la popoloj kaj eĉ, interne de sama popolo, laŭ la individuoj, laŭ la klasoj, laŭ la landpartoj. La vivo ofte superŝutas la sistemigadon de la leĝo; tamen, la diferenco, kiu montriĝas inter la vivo kaj la leĝo ne estas tia, ke la aŭtoritato de tiu ĉi lasta fariĝas senvalora, ĉar la vivo sen la leĝo, sen la regulo, sen la sistemigo, estus ĥaoso, ĉe kiu ĉia civilizo fariĝus neebla. La diferencoj de temperamentoj kaj de metodoj, kiel ajn gravaj ili estas, ne tute malhelpas la starigon de ŝtatligo; sed la diferencoj en la mekanismo de la politikaj institucioj ankoraŭ malpli malhelpas ĝin.

Oni ofte opinias, ke ne estas eble grupigi en sama ligo monarkiajn kaj respublikajn ŝtatojn. Oni eĉ dubas, ke la unuaj konsentos partopreni en tia organizo unuparte, ĉar la limigo de la nacia suvereneco grave atencas la potencon kaj prestiĝon de la regnestro, aliparte ĉar la principo de la popolrajto je nacia memdecido ne harmonias kun la principoj de la monarkia reĝimo. Analizante tiun argumentadon, oni rimarkos, ke tiu antitezo malpli rilatas al la diferenco inter respublika registaro (balotita regnestro) kaj monarkia registaro (hereda regnestro) ol inter du esence multe pli gravaj formoj, nome la konstitucia registaro kaj la absolutista registaro.

Estas vero, ke la principo de la popolrajto je memdecido ne harmonias kun la doktrino de l' absolutismo, ĉar laŭ ĝi la regatoj ne rajtas influi je la reganto; la registaro estas — almenaŭ teorie — tute en la mano de la regnestro, kiu konsideras sin kiel responda nur antaŭ Dio. La logiko de tia sistemo ne permesas, ke la interesuloj estu demandataj pri demandoj rilataj al nacia aparteno. La popolo estas nur ŝafaro, pri kies opinioj aŭ volo oni malmulte zorgas. Sed tiu primitiva formo de regado estas malaperanta. Jam en preskaŭ ĉiuj landoj, absolutista registaro ne plu ekzistas. La monarko, antaŭe tutpotenca, se ne fakte, almenaŭ laŭjure, estis devigata sin ĉirkaŭigi per popoldevenaj institucioj, kiujn li estas devigata demandi en certaj okazoj. Eĉ tie, kie la monarko sin ankoraŭ konsideras kiel responda nur antaŭ Dio, kaj kie liaj ministroj estas sendependaj de la parlamento, la povo de la regnestro tamen devis suferi limigojn. Estas antaŭvideble, ke post la nuna milito, la nacioj, kiuj ne ankoraŭ sin tute liberigis je la absolutismaj restaĵoj, ŝanĝos sian politikon kaj metos la registaron sub la kontrolo de siaj reprezentantoj. La egaleco antaŭ la militdanĝero plifortigos la ideon pri egaleco de rajto kaj partoprenado en la landregado. Ĉiuokaze tiu evolucio estas dezirinda en la intereso de la ŝtatligo, kies starigo estos malpli malfacila se la partoj, el kiuj ĝi konsistos, kiel eble plej malmulte diferencas rilate al politika organizo.

Se la absolutista regado kaj la parlamenta regado bazas sur tute malsamaj principoj, malgranda estas, kontraŭe, la diferenco inter respubliko kaj parlamenta monarkio. Kompare kun la ŝtatoj de la XVIIIa jarcento, la nunaj parlamentaj monarkioj estas veraj respublikoj. La suvereneco ne plu apartenas al la regnestro, sed al la nacio, kiu decidas pere de reprezentantoj. La demando, ĉu la ŝtatestro estu balotata aŭ hereda ĉe familio montrita de la historio, ne estas ekstreme grava; ĝi almenaŭ ne ŝanĝas la esencan karakteron de la sistemo. Eĉ, ĉe kelkaj okazoj, pli grava estas la diferenco inter du formoj de respublikoj (ekzemple Francujo kaj Svisujo) ol inter respubliko kaj parlamenta monarkio (ekzemple Francujo kaj Italujo).

Konklude, nenio fundamente malhelpas, ke en la estonta ŝtatligo partoprenu respublikaj kaj monarkiaj regnoj, se nur ĉiuj rekonas la ĉefajn jurprincipojn, kiuj estos la bazo de la nova internacia ordo, nome la limigo de la nacia suvereneco kaj la popolrajto je memdecido.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

La serio de tiuj artikoloj finiĝos verŝajne en la postproksima N-ro. — *Red.*

 SOCIA VIVO 

## La Fabelo de la „Eterna Paco“

I

De kiam Kant, autaŭ pli ol centdudek jaroj, verkis sian libreton pri l' *Eterna Paco,* kies titolo estas pli ĝenerale konata ol la enhavo, la militaprobantoj facilanime ekmarŝas por ataki la pacifismon. Ili konsideras tiun titolon kiel programon kaj celon de la pacifisma movado. Ĉar, laŭ la geologio kaj la homa historio, oni facile pruvas, ke en tiu ĉi ŝanĝema kaj batalema mondo ne povas ekzisti io ajn eterna, kaj precipe neniu stato de „eterna paco“, ili supozas, ke ili facilege elmontros la eraron de la pacifistoj.

Ilia argumento estas danĝera, ĉar ĝi ŝajnas tre evidenta. Ĝi aspektas, kvazaŭ ĝi superfluigas ĉiun kritikan esploron, kaj pro tio ĝi tre taŭgas por instigi la popolamason al la multe pli facila moko. Tamen ĝi estas unu el la plej malseriozaj argumentoj, kiu eĉ nur momenton kritike ekzamenata, kiel karta konstruaĵo ekfalegas. Ĝi kontraŭstaras ion, kio tute ne ekzistas. Ĝi kontraŭdiras la atingeblecon de objekto, kiun la pacifismo neniam alcelis. La kontraŭuloj, kiuj imagas la malon, ludas kun vortoj. La malriĉeco de la lingvo ilin riĉigas.

La vorto „paco“ esprimas diversajn ideojn. En tiu ĉi fakto troviĝas la ŝlosilo de l' idearo de niaj kontraŭuloj. Estas multaj laŭnature tre malsamaj specoj de statoj, kiuj ĉiuj povas esti montrataj de la vorto „paco“. Kiu malatentas, ke la pacmovado alcelas nur unu tute specialan el tiuj statoj, kaj opinias, ke pro la neebleco realigi unu tute malsaman nur kiel samvaloran pretenditan staton, li povas pruvi la neeblecon realigi la alian, tiu igas sin kulpa je senpripensa procedo.

Estas unue paco en biologia senco, kiu montriĝas kiel halto de ĉiuj vivfortoj; ĝi estas la malo de la batalo por la vivo ĉe la individuoj. Ĝi estas la paco de la tombo, nomita morto. Pri ĝi pensis *Moltke,* kiam li provis refuti la pacifismon per la fama diro: „La eterna paco estas sonĝo, eĉ ne bela“. Sed neniam intencis la pacifismo tian pacon. Ĝi malakceptas ĝin kiel Moltke kaj lia samopinia anaro. Ĝi deziras nek halton nek morton, ĝi ankaŭ ne deziras la forigon de la batalo. Ĝi ankaŭ ekkonas, ke vivi estas batali, kaj ke la batalo estas la patro de ĉiuj aĵoj.

Ĉi tie niaj kontraŭuloj dum sia erarvagado eniras flankan vojon. Ili alimaniere eraras opiniante ke *ĉiuspeca batalo* nepre estas milito, kvazaŭ ne ekzistus spiritaj bataloj senigitaj de perforto, kaj kvazaŭ la plimulto de la bataloj de la vivo ne estus plenumitaj de spiritaj rimedoj. La milito estas nur

speciala formo de batalo, la batalo per perforto, ĝia plej kruda kaj samtempe plej malnova formo, la bataiformo de la malaltaj kulturoj kiu ju pli la homaro fariĝis civilizita, des pli perdis sian aplikeblecon kaj apliknecesecon. Sur la plej malsupra ŝtupo de la kulturo la militado de ĉiuj kontraŭ ĉiuj estis la tagordo. Por la sovaĝulo de l' pratempo ĉiu batalo estis ankoraŭ milito. Spirita formo de l' batalo ankoraŭ ne ekzistis por li. La perforto estis lia vivkondiĉo. Tage, eĉ hore li estis devigata militi kontraŭ samuloj, por certigi al si la vivrimedojn. Ĝi estis la ideala epoko de tiuj, kiuj hodiaŭ per filologia distordo de la vortoj de Heraklitos intencas konvinki nin, ke „batalo" kaj „milito" estas ĉiam identaj, kaj ke ne la „batalo", sed la „milito" estas la patro de ĉiuj aĵoj. Sed de post tiu besta periodo de la „eterna milito" la rolo de la batalo per perforto, i. e. de la milito, pli kaj plj malgraviĝis en la homaro; ĝia aplikebleco malpliiĝis, kaj la batalo per spiritaj rimedoj pliiĝis kaj fariĝis kreanto de kulturo. La milito de la individuoj de longe ĉesis kaj ankaŭ la militoj de la postaj homasocioj, kiel familioj, gentoj, bandoj, kolonioj, urbaj kaj provincaj ligoj ilin faris. Nur inter ŝtatoj ĝi ankoraŭ konservas sian aplikeblecon. Sed eĉ tie ĉi ni jam ekvidas malpliigon de la perfortbatalo. Suverenaj ŝtatoj kuniĝas por estigi vastajn ŝtatligojn, kiel tiuj de la germana Imperio kaj de la nordamerikana Unuiĝo, kiuj ja rezignis ĉiun militon inter si. Kaj tiuj ĉi ŝtatligoj kaj la grandaj naciŝtatoj de l' nuntempo vidigas pluan tendencon, forigi aŭ limigi inter si la militeblecon, kuniĝante por formi interkonsentojn aŭ aliancojn. La mondmilito, en kiu interbatalas du vastaj, preskaŭ du trionojn de la tero ampleksantaj ŝtatligoj, klare pruvas, kiom malpliiĝis la aplikebleco de la milita formo de la batalo de post la tagoj de l' prahomo, kiu daŭre militadis. Ju pli malmultiĝis la nombro de la asocioj, kiuj ankoraŭ aplikis la perfortan batalon, des pli tiu ĉi maloftiĝis. Ĝi fariĝis nura escepto; la spirita batalo fariĝis regulo.

La malpliigo de l' ebleco de la perforto per konstanta plimalmultigo de la asocioj, kiuj ĝin ankoraŭ uzas, kaj la konsekvenca plimaloftigo de la militoj kaj samtempa plialtigo kaj pliigo de la spirita batalo estas fakto pruvita de la historio de la homa evoluo. La pacmovado, kiu agas laŭ tiu ekkono, celas nur la daŭrigon de la ĝis nun atingita disvolvo. Ke la spirita batalo, kiu nuntempe jam grandmezure regas la malvolvon de la homaro, povos plene anstataŭi la perfortbatalon, ke ankaŭ ties lastaj restaĵoj povos esti forigataj de l' uzo de raciaj rimedoj, tio ne plu povas esti konsiderata kiel alcelado al „eterna paco, kiel utopio, sed nur kiel celado al ŝanĝo de bataiformo en la direkto de laŭnatura disvolvo. Sed utopia ŝajnas la ĉiun naturleĝon malatentanta opinio de la kontraŭuloj, ke la priskribita tra jarcentoj konstatita disvolvo de la batalmetodo, kiun ili mem ne povas malkonfesi por kontentigi sian aksiomon, subite haltis. Ili opinias, ke, se la individuoj kaj iliaj postaj asocioj efektive ĉesis militi, la nunaj ŝtatoj neniam povos rezigni tiun proceďon. La „eterna paco" inter tiuj ĉi restas nura utopio.

Ĉi tie kontraŭuloj denove faras konfuzon inter vorto kaj ideo. Se la milit- kaj pacproblemo estas konsiderata de l' vidpunkto de la nuntempa ŝtata konstelacio, montriĝas du tute malsamaj pacideoj, kiuj konfuzas la disputon de la pacifistoj kun iliaj kontraŭuloj. Estas la pacideo de la militista opinio kaj tiu de l' pacifismo. Ambaŭ uzas la saman vorton, sed pense ili nepre diferencas.

* * *

La partianoj de la mititista pacideo konsideras la nunajn ŝtatojn kiel formitaĵojn sendependajn la unuj de l' aliaj, sin reciproke malhelpantajn kaj sekve devigatajn interbatali por sia ekzisto. Por ili la mondo de la ŝtatoj estas en plena kaj senvaria anarĥio. Same kiel iam la prahomo ekvidis malamikon en ĉiu el siaj kunhomoj, kaj estis devigata kontentigi siajn bezonojn per perforto, sole per ĝi sekurigi sian ekziston, tiel hodiaŭ la ŝtatoj estas devigataj certigi sian vivon kaj disvolvon per milito. Por la anoj de tiu ĉi opinio la milito sole reguliĝas la ekziston de la ŝtatoj. Ili do devas uzi sian tutan forton por ĝin prepari. Ili devas ĉiam esti pretaj por ĝin fari, kaj konsideri ĝin kiel naturneceson. La milito estas por ili la normo, eĉ se ĝi ne ĉiam estas necesa, eĉ se la interspacoj inter du militoj povas esti plilongigataj. Tia plilongigo ŝajnas al ili nur ebla pere de konstanta kaj ĉiam pli perfekta militpreteco. Kaj tiu interspaco, la per perfortoj prokrastita milito, la milithalto inter du militoj estas, en militista senco, nomata paco. Tia paco kompreneble ne povas esti daŭra, ĝin imagi kiel „eternan" estas kompreneble utopio. Tie ĉi praviĝas la diro: *Si vis pacem para bellum*. Kiu deziras *tian* pacon, nur provu ĝin konservi per senĉesa preparado.

Sed tia spaco tute ne estas paco. Ĝi estas la stato de ne-milito, nenion pli. Ĝi estas la logika kondiĉo de l' milito, eĉ la milito mem sub formo pli milda, latenta, diferenciganta ĝin de l' akra milito nur per la kaŭzo, ne per la esenco. Sed bedaŭrinde ĝi estas la paco, kiun la plimulto el la homoj nuntempe konfesas, kaj el tiu ĉi malkompreno devenas la kontraŭstaro al pacifismo.

La *pacifisma pacideo* apartenas al tute alia sfero de ideoj.

La stato de internacia anarĥio tia, kian la partianoj de la militista opinio ĝin vidas, estas fikcio. En la senco, en kiu ili konfesas la anarĥion, kun la neŝanĝebleco, kiun ili al ĝi atribuas, ĝi jam ne ekzistas. La teknika disvolvo de la lastaj jardekoj malvastigis la mondon, faris najbarojn el la antaŭe plej malproksimaj ŝtatoj, naskis universalan laborstaton, kaj efektive igis la antaŭe sendependajn ŝtatojn nepre dependaj unuj de la aliaj. Kaj tion ja pruvas la ekonomiaj kaj socialaj ekskuoj, kaŭzitaj de la mondmilito. La ŝtatoj ne plu estas la nerepacigeblaj malamikoj, kiuj al si reciproke malhelpas la vivon, kaj kiuj havas nenian alian rimedon por sin defendi ol la perforto. Ili fariĝis pli kaj pli dependaj la unuj de la aliaj, kaj estis devigitaj kunlabori. Pli kaj pli nombraj fariĝis la komunaj interesoj, kiuj kreis por si komunajn organojn de la tutmonda kulturo. La internacia anarĥio ankoraŭ ne estas venkita, sed ĝi estas malfirmigita. Kio ĝis nun mankis, estas la sufiĉa ekkono de l' parto de la homoj pri la ekzistanta organiza procedo. La stato de absoluta anarĥio ekzistas nur en la rutino. Nur tial, ke la homoj ne kapablas alkonformigi siajn instituciojn al la ŝanĝitaj vivkondiĉoj de la internacia societo, ekestas tiuj kontraŭstaroj kaj malkonsentoj, pri kiuj oni malprave opinias, ke ili estas solveblaj nur per perforto.

Tie ĉi ni nun ekkonas la sencon de la pacifisma pacideo. Ĝi ne signifas forigon de la batalo, nek plilongigon de la milithaltoj, sed nur staton de internacia ordo, de l' internacia organizo.

Tiu stato ne estu arte starigata, kreata el nenio. Ĝi estas nature kondiĉita en sia estiĝo. La paca movado nur intencas ĝin videbligi. Ĝi funde estas nenio alia ol problemo de spirita optiko. Ĝia tasko konsistas nur en tio, ke ĝi nasku la komprenon pri tiuj naturaj okazaĵoj, por efiki pli rapidan evoluon de l' organizo, por aliigi la metodojn de l' internacia interkomuniĝo, precipe de l'solvo de la konfliktoj laŭ la akirita scio. Tio estas nia paco. Sed eĉ la plej alta perfektigo de l'internacia ordo ne forigos la vivkreantan batalon en la interrilatoj de la ŝtatoj. Ĝi ĝin eĉ pliigos kaj tiamaniere pli plene malfaldos la vivfortojn de tiel organizita ŝtatsocieto. La konfliktoj tute ne malaperos; responde al la pli

intensa agemeco, ili eĉ plimultiĝos, sed ilia naturo estos ŝanĝita. Ne estante naskitaj el la anarĥio, kiel la konfliktoj de l' pasinto kaj de l'estanto, sed el pli-malpli evoluita internacia ordo, ili estos grandparte aŭ tute senigitaj de l' danĝereco, kiun ili ankoraŭ havas por la ekzisto kaj valoro de la ŝtatoj, kaj sekve estos solveblaj per raciaj rimedoj anstataŭ per perforto.

La pacifismo ne supozas, ke ĝi povas jam nun en ĉiu okazo solvi per pacaj rimedoj la internaciajn konfliktojn devenantajn de la reganta anarĥio. Ĝi ne volas, kiel faras fikuracisto, kuraci malsanon per forigo de la simptomoj, sed ŝanĝi la kaŭzojn, sur la lokon de la anarĥio, kiu tiom danĝerigas la konfliktojn, meti la ordon, kiu aliigas la naturon mem de la konfliktoj. Tiam racia kompromiso solvos la malkonsenton.

Se eĉ en la internacia ordo oni bezonos perforton, same kiel ĝi estas necesa en la interna ordo de ĉiu unuopa ŝtato, tamen en ambaŭ okazoj ĝi staros flanke. Ĝi efikos per nura minaco, kaj nur malofte estos plenumita. Tiu estas la punkto, kie la partianoj de la milito kredas ekvidi mankon en la pacifisma sistemo kaj la plej fortan apogon por ilia fabelo de la „eterna paco". Sed la apliko de perforto en orda ŝtatsocieto ne estas milito; ne pli ol militas la ĝendarmo kontraŭ la ofendanto de la civitana ordo. Estas tute alia afero, ĉu la aplikita perforto efikas anstataŭ realigita ordo, kiel en anarĥia stato, ol ĉu ĝi efikas kiel rezulto de ordo efektiva. Tio diferencigos la aplikon de perforto en la internacia organizo de la milito en la estanto. La disvolvo de la fortoj ĉe la militpreparo, kiu kuncentrigas la tutajn fortojn de l'ŝtato sur tiun solan punkton, kaj ilin deturnas de ilia vera tasko, la pliigo de la civitana bonforto, estos reduktata al minimumo ĉe la perfortapliko en la organizo. La profito, kiun trovos la koncernatoj en la konservado de l' ordo, sufiĉe malebligos la dezirojn de kelkaj, reiri al anarĥio, tiel ke la perfortaj antaŭrimedoj por la konservado de l' ordo ne estos kompareblaj kun la nunaj preparoj kun iliaj emoj al supereco. Sed ankaŭ la sekvoj de perfortapliko en la organizo estos aliaj ol la sekvoj de milito en la anarĥio. Estos nenia venko kaj nenia subjugigo, sed nur restarigo; mankos do la plej gravaj rimarkiloj de la milito. Forestos la venĝemo, la malamo kaj la deziro de ŝanĝo de situacio, kreita de l' subjugigo. La perfortapliko en la ordo neniam havos en si la ĝermon de nova perforto, kaj ne postlasos la subpremitan revoluciemon de venkito kiel danĝeron por la estonta kunvivado. Tio ĝin esence diferencigos de la milito. Disfalas do la lasta eraro de la militadeptoj, kiuj imagas, ke batalo kaj milito estas identaj, kaj ke, ĉar la batalo neniam povos ĉesi, ankaŭ la milito neniam estos forigita. Ili ne komprenas la pacideon de la pacifisma doktrino. Kaj ĉar ili tute nerekonas tion, kion ni nomas paco, ili provas nin kontraŭbatali per la signalvorto „eterna paco". Ni ne postkuras tiun erarlumon, ne pli ol la medicina scienco alcelas la eternan vivon de l' individuo. Nia celo tute ne estas tie, kie la kontraŭuloj ĝin vidas. Aliiĝo en la rilatoj de la ŝtata societo, subigo de l'anarĥio per la organizo, de l' malsano per la sano, tio estas nia paco, kaj la metodo de nia batalo konsistas en la naskigo de l' ekkono, ke tiu aliiĝo estas en la direkto de natura disvolvo, el la daŭra eduko de la spiritoj por tiu ekkono per kritiko de la eraroj kaj de la malbonaj institucioj de l' nuntempo. La fabelo de la „eterna paco" estas fantazia sonĝo de tiuj, kiuj staras trans tiu ekkono.

*D-ro Alfred H. Fried.*

Trad.[1]: *A. C.*

[1] El „*Neue Zürcher Zeitung*".

## Ligoj de bonvolemo

La milito kaj la sangsoifa krueleco, kiun ĝi aperigas, dolore frapis la revulojn pri la homa solidareco. Ne estas malinterese konstati, ke la aspiro al bonvolemo inter individuoj forte priokupadis la edukistojn kaj bonemulojn dum tiuj ĉi lastaj jaroj. Ĝi rezultigis organizon, pri kiu oni komencas paroli en Svisujo sub la nomo de „Ligoj de bonvolemo", traduko de la komencaj „Band of Mercy" (Rondoj de Kompato). Amerika filantropo Georges Angel iniciatis tiun ĉi movadon en 1889. La „Kompatrondoj" tiom plaĉis al la junularo, ke 83,000 ligoj de la Nova Mondo kunigadis en la jaro 1912 kvar milionojn da adeptoj el ĉiuj instruejoj: infanetaj ĝardenoj, unuagradaj lernejoj, gimnazioj kaj universitatoj. La rektoro de la universitato Harward prezidis mem unu „Band of Mercy" konsiderante tion kiel honoron. Sviso S-ro Jerôme Périnet estis la apostolo de tiu ĉi sociala religio en Eŭropo. Konvinkplena kaj insista, li sciis altiri por tio influpovajn homojn, kiuj atentis je la movado, kaj ankaŭ prozelitojn, penetritajn de fervoro, kiuj instigis al la agemo. S-ro F. Buisson priparolis la demandon en la Bulteno de la franca instruistaro; sekve de tio, en Suda Francujo aperis „Ligoj de Bonvolemo", jam multe promesintaj antaŭ la militdeklaro. — En Parizo, S-ino Eugène Simon kreis la du unuajn Ligojn de Bonvolemo, disbranĉiĝintajn baldaŭ tra multaj instruejoj. La cirkulero de S-ro Périnet, sendita al ĉiuj ministroj de la Publika Instruado en Eŭropo estis pli bone akceptita ol oni kuraĝis esperi.

La ministro en Rusujo petis programon, por instigi la geinstruistaron de l' Imperio aliĝi al la movado. En Portugalujo la Direktoro de la Revuo pri la Bono penadas konigi la aferon. En Italujo S-ro Landry organizas unu Band of Mercy en protestanta lernejo. En Svisujo, Argovio kaj Bazelo respondis al la unua alvoko de S-ro Périnet. En Grizona kantono kuraĝa S-ino A. de Salis prenis sur sin la iniciaton. Dank' al la klopodoj de prof. Mariani, inspektoro de la unuagradaj kaj duagradaj lernejoj same kiel de S-ro Bazzi, profesoro ĉe la Normala Lernejo kaj direktoro de la gimnazio, la urbo Lokarno proponis enkonduki la ligojn en tiu ĉi regiono. — Oni provis iomete konigi la movadon en Lausanne; fine, en Ĝenevo grupo de geinstruistoj faris kelkajn provojn, kies rezultoj meritas atenton.

Kion devas signifi la Ligo de Bonvolemo? Simple: „Ligo de Morala Edukado." Ĝia devizo estas: „Bonvolemo, Justeco, Kompato." Ĝiaj procedoj estas simplaj, adapteblaj al ĉiuj cirkonstancoj kaj al ĉiuj spiritstatoj.

La Ligo celas: 1e veki en la infano aspiron al la bono, komprenon kaj bezonon de la solidareco; 2e fortigi la volon, instigante lin plenumi moralan promeson, libere donitan; 3e instigi lin al la iniciatemo, lasante serĉi per si mem ĉiujn okazojn esti utila aŭ bonfara.

Ĉiu persono, kiun ĝia situacio kontaktigas kun infanoj, povas fondi Ligon; ĉiuj rimedoj estos taŭgaj, se oni pensos je la tri suprediritaj celoj. F-ino M. Ritzentaler, bonega edukistino, kiu helpis disvastigi ĉe ni la Ligojn de Bonvolemo, fondis unu propramove, inter la infanoj, kiuj ludadis ĉe publika promenejo kaj havis kutimon brue kaj senhonte disputi inter si, ankaŭ ĉikanegi la pasantojn. — La inica procedo konsistas je konvinkado pri la utilo de simila asocio kaj je enregistrado de la aliĝantoj. La membroj subskribas jenan promeson: „Mi volas penadi esti bona al ĉiuj vivantaj estaĵoj kaj protekti la animalojn."

La adepto ricevas aliĝateston kaj insignon. Nun restas... la ĉefaĵo: subteni la fervoron ĉe la novkredintoj je la solidareco, doni la vivon al la organismo, realigi la bonfarojn de tiu ĉi humaneca edukado.

La infano, vekiĝanta al vivo morala troviĝas nuntempe

en tre malfavoraj kondiĉoj. Ĉio, kion vidas liaj scivolaj okuloj; ĉio, kion aŭdas liaj oreloj kion perceptas lia natura logiko, kontraŭdiras niajn formulojn de moralo. Protektu la malfortulon! Plenumu la donitan promeson, amu cian proksimulon, kiel cin mem; ne faru al aliaj tion, kion ci ne volus, ke aliaj faru al ci. Malbonaj ŝercoj por tiu, kiu, apenaŭ komencinte vivi kaj ne kompreninte ankoraŭ la ligilojn, unuigantajn lin kun liaj proksimuloj, vidas ĉirkaŭ si nur maljustecon, eldevigon, rompitajn promesojn, malfortulojn kaj senkulpulojn premegataj.

Oni povas timi, ke la nunaj perobjektaj lecionoj lasas en la juneca imago pli profundajn postsignojn, ol la ekscitaj romanoj, ĉagrenintaj nin antaŭe. Jam la ludoj fariĝas pli maldelikataj, malpaceto de lernantoj facile finiĝas per pugnobatalo. Oni fieras pri pugnofrapo, pri subokula kontuzo, stoike ricevita. Ekzistas regionoj, kie oni konstatas jam rimarkeblan plimultiĝon de la infanaj krimoj, — du vortoj, kies kunigo premas la koron. La virseksa junularo ŝajnas malkutimiĝi de kia ajn sentemo.

Sufiĉas jam tio, por ke oni provu instigi la edukadon de solidareco. La milito, indulginta preskaŭ neniun landon en Eŭropo, elmontros siajn postsignojn sur la infanaro; la estonto aperigos tion pli klare, ol la nuna tempo. Ĉiuj junuloj — ĉiunacia fonto de energio — lasas sin mortigi aŭ kripligi. Oni apenaŭ kuraĝas pensi, kio estos la infano de la milito, naskita, edukita en korpremateco, kreskinta en malespero, senigita de la minimumo de zorgoj, de trankvilo, de karesoj, nepre necesaj al tiu ĉi unua vivaĝo, tiel delikata kaj tiel sekvoriĉa. Multege da orfoj oni havos. Milionoj da patrinoj restos en soleco kun ŝarĝo pri edukado de siaj infanoj.

La lernejo havos ankaŭ pli da devoj. Ĝia misio kreskos, la respondeco same. Ĝia tasko ne estos plu nur disvolvi la intelekton, ĝi bezonas ekbruligi la korojn, eklumigi la konsciencon, doni al la individuo la internan regulon, direktantan la agojn, lernigi al li, ke la unua el ĝiaj devoj estas la respekto de la aliula rajto kaj ke ĝi estas la plej certa el la garantioj de la universala paco. Sed ne sufiĉus toleri la proksimulon nur pro justeco; sociaj rilatoj, bazitaj sole sur la rajto, ne estus ĝojigaj, ne estus eĉ sendanĝeraj. Nur la amo, fonto de ĉia vivo, povas doni al la koroj tiun ĉi saĝon, tiun ĉi delikatan komprenpovon, kiu rekonigas sian ĝojon kaj doloron en la aliula ĝojo kaj doloro, suferi pro aflikto vole aŭ nevole farita, ĉar oni sentas ĝin resoni en la profundo de sia animo, kaj ĝoji pro ĝojo, kiun oni mem donas same kiel pro ĝojo ricevata. Tio estas la sekreto de feliĉo konstanta kaj konscia, kiu harmoniigas vin kun la ĉirkaŭa mondo. Jen kio meritas la nomon de boneco. — Sed vi povas kontraŭdiri: ĉu la boneco devas esti edukata? Je tio mi respondas maltime: jes! La infano ne naskiĝas bona. Li ne naskiĝas ankaŭ malbona. Li venas en la mondon kun bezonoj, deziroj, instinktoj. Malforta, li ne povas resti senhelpa. Ĉio ĉirkaŭanta ŝajnas kreita, por lin servi. Li nek miras, nek kortuŝiĝas je la vartado, farata al li: ĝi estas ja natura se, pro specialaj cirkonstancoj tiu ĉi zorgado, tiu ĉi atento al li mankas, li suferas de tio, kvazaŭ de maljusteco, ribelas aŭ doloras en sia interno, atendante la momenton repagi senpripense iom da malbono, kies viktimo li sin sentas. La infano estas la plej perfekta tipo de egoisto — kaj li rajtas esti tia, laŭnature.

Ĝi povas ŝajni paradokso, sed oni devas bazi ĝuste sur tiu ĉi egoismo, por konduki ĝin al la altruismo. La tagon, kiam li komprenos, ke same, kiel li sentas, aliaj kreajoj sentas ankaŭ kaj ke se li, malgrandulo, estas protektata de pli fortaj estajoj, li mem estas responda, — tiun ĉi tagon li faros gigantan paŝon sur la kruta vojo, kondukanta al la suproj de la altega justeco.

La egoismo ne estas la sola kaŭzo de la denaska indiferenteco al tio, kio ne koncernas lin persone. Por kompati, bezone estas, ke oni mem suferu. Plene sin fordonante je la vivĝojo, li ne havas ankoraŭ sperton de la suferado. Plie, li okupas en la socio lokon tre difinitan: li amuzas aŭ embarasas. Malofte li sentas sin utila. Homo ne havas senton pli preman, ol tiun de sia senutileco. La infano bone sentas, ke oni lin flatkaresas aŭ traktas malmilde ofte laŭkaprice, sed ke ĉio fariĝas sen lia partopreno. — La vera boneco ne povas esti sen multe da prirespondo kaj iniciato.

En familio, kie la infano vivis longe, kiel tia, naskiĝas frateto, rivalo. Kion fari, por eviti la malmoraligan jaluzon? La rimedo estas tre simpla. Konfidu la novnaskiton al lia pli aĝa frato. Fidu je liaj zorgoj pri la lulado, amuzado, promenigado, protektado. Via konfido kreos sindonemon. Pro sperto, mi kredas, ke oni devas inici je la boneco. Kaj mi opinias, ke la naturo estas granda inicanto. Per amo kaj admirigo oni devas alligi la infanon al ĉio vivanta kaj spiranta. Mi dezirus vidi niajn lernejojn kun parkoj, plenaj da birdoj kaj sciuroj. Mi dezirus vidi la tropeolojn kaj konvolvulojn girlandi la malgajigajn kradojn aŭ balanciĝi ĉe la fenestrokadroj. De la bonvolemo je la ajoj, nerimarkeble, la infano pasus al la bonvolemo je siaj proksimuloj. Li irus al la boneco per la vojo de la belo.

Se la neceso de la boneco, kiel eduka principo, ŝajnas pruvita, ĉu tio signifas, ke ni povas aliĝi, kiel konvinkitaj adeptoj al la B. O. M. — tiaj, kiajn oni konceptis en la lando de ilia deveno?

La Ligo certigas la konkordon, la kunligon de la penoj; ĝi estigas konkuran fervoron. Ĝi donas memfidon al la timemuloj, aperigas la kaŝitajn energiojn, nekonitajn amrimedojn sugestias sagacajn iniciateblojn. Kolegino kaj mi, samtempe, ni provis la Ligon en niaj klasoj: ŝi — kun infanetoj sepokjaraj, mi — kun knabinoj dekdu-dekkvarjaraj. Ni povas nur nin gratuli pro tio. Neniam regis pli bona spirito meze de nia lernantaro. Sed ambaŭ ni plene konvinkiĝis, ke la aliĝpaperetoj, la konfesoj kaj konfidencoj metataj en la leterkeston, ne estas rimedo certplena. La unua kontraŭdiro estis farita de unu el miaj lernantinoj: — Sed kiam oni faris ion bonan ĉu ne estas malbone glori pri tio?

Kiel eviti tian singloremon? Al la boneco ni aldonis la energion kaj la bonhumoron. Oni bezonas energion por esti bonaj: la malbonfarantoj estas ofte senenergiuloj, kiuj ne kuraĝas fari la bonon.

Oni bezonas ankaŭ gajecon. La gajeco sunlumigas la animojn. Plie, la bonkoremo estas ofte elreviganta: oni atendis malmulte de ĝi, oni ricevas ankoraŭ malpli. Tiam nenio estas pli bona, ol kuraĝa rideto, por eviti la seniluziiĝon. Sole la boneco ĝoja, spirita, vivplena efikas. Ni tute ne volas fari el niaj infanoj aron da ŝafoj blekantaj, facile tondeblaj, sub la arbitro de la plej lertaj. Por fari la bonon kun iom da ŝanco esti utila, oni devas procedi plej vigle kaj sagace.

Nia Ligrondo havis kun la B. O. M. nur la komunan intencon. La promeso estis farita nur al si mem. Sur la nigra tabulo oni vidis la neniam malaperantajn tri magiajn vortojn belskribitajn kaj ornamitajn per la mano de lernantino „Boneco, Energio, Bonhumoro". De tempo al tempo oni proponis malgrandan problemon por pripensado aŭ observado; folieto, metita en la leterkeston, donis ĝian solvon; per kolektiva lego kaj komento oni penadis ĝin ĝuste klarigi. Tio sufiĉis, por krei atmosferon familian, konkuremon pravan kaj sinceran, persiston en la penado, ne antaŭe konitan. Ne kredu cetere, ke estas tiom facile konsideri la proksimulon, kiel sin mem, kiam oni estas knabeto freŝvanga, en pantaloneta longa kiel mano. Jen kion skribas knabetoj: „Mi volas esti diligenta kaj saĝa, fari la komisiojn; mi dividas

mian manĝeton kun knabeto, kiu ĝin ne havas; mi helpis kompatindan maljunulinon en la strato".

Por eviti la maloportunaĵojn, kiujn povas prezenti la konfidencio pri iliaj propraj virtoj mi diris al la knabinoj: „Estas ĉirkaŭ vi multege da homoj, kiuj faras bonon tiel, ke neniu rimarkas. Observu ilin."

Jen io el tio kion la knabinoj skribis al mi:

*Boneco*

„Infano sekvis malriĉan muzikiston, mokante lin. La infano falas. La muzikisto sin turnas kaj restarigas lin."

*Energio*

„Mi defendis knabeton. Du knaboj batis lin: granda kaj malgranda. La granda frapadis min piede kaj pugne, sed mi firme tenis lin, por ke la alia povu forkuri."

*Bonhumoro*

Jen kion skribis iu liganino: „Trovinte malsanan hundeton en la strato, mi alportis ĝin hejmen kaj flegis, poste donis al la Societo por bestprotektado. Mi malemis lavi la plankon en la kuirejo dimanĉon posttagmeze, kaj mi faris ĝin kun rideto. La servo, je kiu mi plej malemas, estas helpi senpolvigi la ĉambrojn, sed ĉar mi partoprenas je la Ligo de Bonvolemo, mi volas penadi fari tion kun ĝojo."

Ĉu vi ne estas frapita, kiel mi, de la takto, delikateco, sagacpovo, kiujn ĉio ĉi konigas? Nenia afektado, nenia plibeligo, nenia aspiro je sensacia efekto. Meze de simpla ĉiutaga vivo ĉiu penadis agi kiel eble pli bone, fari ĝoje tion, kio estis la plej malfacila, laŭ sia koro kaj konscienco, ofte kontraŭ sia inklino.

„Matene, skribas iu knabino, mi leviĝas ĉiutage samhore, kaj mi pensas je la Ligo de Bonvolemo."

Ĉu vi povas legi indiferente tiun ĉi korkrion: „Mi dankas vin pro la fondo de tiu ĉi ligo: mia patro diris, ke mi restu fidela al ĝi, ĉar mi kondutis pli bone ĉe ni, kaj mi helpis pli fervore la panjon." Ĉu malfido la plej rajta ne skuiĝus, legante la jenan noblesimplan vivregulon, esprimitan tiel modeste?

„De hodiaŭ' mi volas min ŝuldigi esti bona al ĉiuj vivantaj estaĵoj. Mi volas penadi fari ĉiueblajn servojn, en bonvolemo kaj mildeco. Por faciligi mian taskon, mi strečados mian volon. Farante tiun ĉi penon, mi povos tiamaniere fariĝi pli agrabla kaj pli servema al la ĉirkaŭuloj."

Ĉu tia provo ne atentigas vin je la Ligoj de Bonvolemo?

Estus granda danĝero, se oni enkondukus la Ligon de Bonvolemo en la programon de nia oficiala instruado. Oni ne instruas la bonecon, kiel aritmetikan regulon aŭ iun sciencan veron. Oni devas esti en konstanta komuniko kun ĉiuj, kiuj ĝin serĉas persiste kaj senartifike.

La instruisto kaj la lernantoj havas ofte la samajn bezonojn je simpatio.

Nur reciproka konfido, sincereco, reciproka konfeso de siaj observaĵoj, eĉ de siaj volomankoj kaj de siaj malsukcesoj povas igi tiun ĉi edukadon vere efika. Ĝia vivkapablo dependos antaŭ ĉio de la personeco de la edukanto. Ĝi servos kiel bonega ilo por morala perfektiĝo al tiu, kiu scios fari el ĝi aktivan principon de la interna vivo, ne formulon intelektan.

*L. Hautesource.*

Trad.[1]: *A. Ŝarapov.*

[1] El „*Wissen und Leben*" (Zürich). La tradukintino petas la ĉiulandan legantaron laŭeble konigi tion en naciaj gazetoj, plie komuniki al la redakcio faktojn pri la L. B. kaj opiniojn pri tiu ĉi movado.

---

## Milito kaj Alkoholo

La milito montris per sia devigo streĉi ĉiujn fortojn, ke la batalo kontraŭ la alkoholismo estas praviĝita ankaŭ de tiuj, kiuj ĝis nun restis flanke de la kontraŭ-alkohola movado. Superrigardo pri la dekretoj faritaj dum la pasinta jaro en la diversaj landoj certe interesus niajn legantojn. La detaloj estas ĉefe prenitaj el la konata „Jarlibro de l' Kontraŭalkoholisto" (Jahrbuch des Alkoholgegners) redaktita de D-ro Hercod en Lausanne. Ĉi tiu libro entenas serion de aktualaj artikoloj kaj prezentas fidindajn informojn statistikajn.

*Aŭstrio*, por konservi la necesajn nutraĵojn al la popolo malpermesis la uzon de la malto ĉe la bierfarado. Aro da severaj dekretoj plimalgrandigas la uzon de alkoholaj trinkaĵoj ĉe la soldatoj.

En *Anglujo* oni speciale atentis pri la trinkkutimoj de la laboristoj en la municiaj fabrikejoj. Sed la registaraj proponoj pri plibonigo trovis akran kontraŭstaron. Fine Lloyd Georges sukcesis aranĝi la starigon de komisiono, kun la tasko reguligi la vendon de alkoholaj trinkaĵoj en la municiaj fabrikejoj. Gravan subtenon ricevis tiu komisiono per la kunhelpo de organizaĵo por kreo de senalkoholaj restoracioj. La ekzemplo de reĝo Georgo, kiu sin devigis ne trinki alkoholaĵojn dum la daŭro de la milito kaŭzis grandan efikon.

*Danujo* malpermesis la faradon de brando el greno kaj terpomoj produktitaj en la propra lando. Multaj komunumoj plimallongigis la daŭron de malfermo de restoracioj.

*Francujo* alprenis dum februaro 1915 la plenan malpermeson de la absinto, progreso neefektivigebla antaŭ la milito. La armeestraro dekretis severajn leĝojn por malpermesi al la militistoj la trinkadon de brando. Malantaŭ de la batallinio konstatiĝis multaj malatentoj kontraŭ tiuj dekretoj; sed en la militzono la malpermeso efikis. Reformo de la vendado de alkoholaĵoj estas anoncita de la ministro Ribot.

*Germanujo* organizis la mobilizon senalkohola. Poste mankis similaj antaŭrimedoj. La konduto de la soldatoj laŭ tio estas diversa. Tamen la abstinenteco praviĝis en la militzono kaj eĉ en la malsekaj, malvarmaj tranŝeoj. Tion montris enketo aranĝita de germanaj bontemplanoj. En iu gazeto aperis aserto de oficiro, ke la alkoholo estas la sola rimedo por elteni la lacigojn, invitante la abstinentulojn konvinkiĝi persone en la tranŝeoj. La respondoj de la abstinentuloj alvenis multnombre, dokumentante la bonan efikon de la sindeteno. La soldatoj abstinentaj sentas sin same bone kiel siaj kamaradoj kaj plenumas la plej altajn postulojn. La armeestraro ordonis multajn regulojn por atingi ordon kaj disciplinon, ekz. malpermeso al vunditaj soldatoj viziti trinkejojn, malpermeso vendi brandon al soldatoj, frua fermo de restoracioj. Oni provis malhelpi la sendon de alkoholaj trinkaĵoj kiel donacoj. Escepte, ruĝa vino estas ankoraŭ akceptata.

*Islando* akceptis plenan malpermeson de la alkoholaj trinkaĵoj. La sperto montris kelkajn mankojn de la leĝo; el tio la brandvendistoj konkludis, ke la leĝo restas senefika. Sed tiu aserto estas trograndigita. La parlamento jam alprenis la necesajn novajn regulojn, por malebligi ignorojn de la leĝo.

*Italujo* malgrandigis la nombron de restoracioj en multaj urboj. La konduto de la soldatoj rilate al sobreco ĝenerale ne donis kaŭzojn de gravaj plendoj.

*Nederlando* decidis fari enketon pri la konsumo de alkoholaĵoj en siaj kolonioj; verŝajne plena malpermeso estos aranĝata por la indiĝenoj.

En *Norvegujo* la alkohola demando ludis gravan rolon ĉe la balotoj. La duono de la elektitaj deputatoj estas organizitaj abstinentuloj.

En *Ruslando* la malpermeso de la brando estas daŭre aplikata. La juĝo de senpartiaj observantoj koincidas kun la statistikaj reserĉoj, laŭ kiuj la rezulto estas bonega. Disvastiĝis tamen rakontoj pri la pasio de kolonja akvo kaj netrinkebligita alkoholo; laŭ ili la rusa popolo sin fordonas pasie al uzo de tiaj trinkaĵoj. Oni parolis pri miloj da venenigoj kaŭzita per metilalkoholo, lako kaj kolonja akvo. Certe estas, ke oni provis anstataŭi brandon per danĝeraj fluidaĵoj, sed tio ne okazis en vasta amplekso. La pli multaj uzantoj konvinkiĝis pri la danĝero de tiaj eksperimentoj kaj ĉesis.

En *Svedujo* estos plibonigata la instruo pri la sobreco. Por ĝin kontraŭbatali la alkoholinteresemuloj fondis unuiĝon por „Individua libereco" (Persona libereco).

En *Svislando* la Federacia Konsilantaro estas petita, ke por la alkoholfarado estu nur permesata la uzo de importitaj materialoj, tiel ke la propra produkto restu por naturaj nutraĵoj. Tiu propono ne estis akceptita. Diversaj reformoj, interalie la monopoligo de la alkoholaj trinkaĵoj estas faritaj. Per kreo de specialaj soldataj domoj por soldatoj kaj aliaj aranĝoj la svisa armeestraro partoprenis sukcese por plimalgrandigo de la konsumo de alkoholaĵoj.

En *Usono* la nombro de la „sekaj ŝtatoj" nun atingis 19. La internacia kongreso kontraŭalkohola devus okazi en Atlantic City, sed estas prokrastita.

La popolo de *Suda Aŭstralio* decidiĝis por la fermo de la restoracioj je la sesa horo vespere. *H. J.*

# ✿ NOTOJ ✿

.·. **Centra Organizo por daŭra Paco.** — Tiu grava organizo, kies sidejo estas en Hago (Theresiastraat 51) jus eldonis, en du dikaj volumoj, raportaron pri la diversaj punktoj de la minimuma programo. Tiuj raportoj, verkitaj angle, france aŭ germane laŭ la aŭtoroj, estis destinitaj al la Internacia Studkongreso por daŭra Paco, kiu estis okazonta en Bern dum decembro 1915 kaj pro malhelpoj rezultantaj el la nuna situacio ne povis realiĝi. La laboroj interese pritraktas la diversajn demandojn pri interŝtata organizo, speciale pri naciaj, ekonomiaj kaj juraj problemoj. Ilin kun utilo tralegos ĉiuj personoj, kiuj interesiĝas pri la granda postmilita rekonstrua laboro.

La sama institucio eldonis, en germana lingvo, enketon pri la pacaj konferencoj post la milito kaj pripacajn paroladojn de registaranoj kaj popolreprezentantoj ĉe la brita Parlamento kaj ĉe la germana Reichstag. Tiuj eldonaĵoj prezentas gravan dokumentan intereson.

.·. **Milito kaj ŝtata enŝuldiĝo.** — S-ro F. W. Hirst, la antaŭa eldonisto de „Economist", en sia lasta libro pri „Politika Ekonomio kaj Milito" montris la ŝtatŝuldojn, kiujn alportas la nuna milito.

Kiel gravegaj estos tiuj ŝarĝoj, kompare kun la antaŭa mezuro de la ŝtatbuĝetoj, oni povos konjekti, laŭ la ĉi-suba tabelo prilaborita de S-ro Hirst ĝis aŭgusto 1916 por la kvar grandaj Aliitaj nacioj. (Por pli facila kompreno ni transformis la anglajn funtojn en frankojn, laŭ proksimuma valoro: 1 funto = 25 frankoj.)

*Alteco de la ŝtatŝuldoj* (en milionoj da frankoj):

| | Antaŭ Milito | Jan. 1916 | Aŭg. 1916 |
|---|---|---|---|
| Francujo . . . . | 33,000 | 63,000 | 73,000 |
| Britujo . . . . | 17,675 | 53,125 | 72,500 |
| Italujo . . . . | 14,250 | 19,000 | 23,000 |
| Rusujo . . . . | 23,000 | 55,000 | 75,000 |

*Ŝuldinteresoj kaj antaŭmilita buĝeto* (en milionoj da frankoj).

| | Tuta buĝeto | Ŝuldinteresoj | | |
|---|---|---|---|---|
| | Antaŭ milito | Antaŭ milito | Jan. 1916 | Aŭg. 1916 |
| Francujo . . . . | 5,200 | 1,325 | 2,500 | 3,125 |
| Britujo . . . . | 4,950 | 550 | 2,150 | 3,100 |
| Italujo . . . . | 2,600 | 425 | 650 | 825 |
| Rusujo . . . . | 9,250 | 1,125 | 2,700 | 3,625 |

Sekve, la elspezoj nur por la ŝuldinteresoj alproksimiĝas per gigantaj paŝoj al la sumo de tuta normala antaŭmilita buĝeto, kaj nenia fino de tiu kreskado estas jam antaŭvidebla.

.·. **Tutmonda Unuiĝo Virina.** — En „*Esperanto*" de 5 junio 1915, paĝ. 64—65, ni raportis pri la kreo de „Tutmonda Unuiĝo Virina", popola movado celanta krei universalan kunfratiĝon de virinoj ĉiuaĝaj kaj ĉiulandaj, sen atento al diverseco religiaj, politikaj aŭ socialaj. Tiu Unuiĝo publikigis, en franca kaj germana lingvoj, raporton pri sia jara agado. El ĝi rezultas, ke la Unuiĝo nun kalkulas 6745 membrinojn, el kiu 223 varbistinoj. Ĝis la fino de majo 1916 estis disdonitaj 70,605 presaĵoj. Multnombraj paroladoj estis aranĝitaj por propaganda celo.

La Unuiĝo nun malfermas enketon pri la jena temo:

1e Ĉu vi opinias, ke la virinoj havas ian respondecon en la okazintaĵoj, kiuj kaŭzis la militon; kia estas tiu respondeco?

2e Ĉu la moderna socio bezonas la helpon de la virinoj por malhelpi novajn militojn? kian helpon?

3e Kiel oni praktike povas kontraŭstari je la kresko de la interpopola malamo? Kion devas kaj povas fari la virino en tiu rilato? Kiajn specialajn malfacilaĵojn renkontas tia agado?

4e Kian rolon povas kaj devas havi la edukado de la infanoj, la preparado de kontraŭmilitaj generacioj (edukado familia, lerneja, eksterlerneja, postlerneja)?

Ĉiujn respondojn kaj informpetojn oni sendu al Union Mondiale de la Femme, 6, rue du Rhône, Genève (Svislando).

.·. **La fino de la milito.** — Ĉu vi volas, sen iu sorĉaĵo, scii kiam finiĝos la milito?

Nenio estas pli simpla. Adiciu: 1e la jaron de via naskiĝo; 2e la jaron de via edziĝo; 3e la jarnombron de post via edziĝo; 4e vian aĝon; 5e la du jarojn de la militdaŭro. Poste, dividu la sumon per du, kaj vi trovos la respondon al tiu interesega demando.

Kio naskas la konfidon al tiu nova tre simpla metodo estas la unuanimeco de la respondoj, malgraŭ la diverseco de la datoj. Provu unue mem, poste eksperimentu la sistemon kun viaj konatuloj: vin surprizos la konstanteco de la rezultato.

.·. **Nova fizika leĝo?** — S-ro Francis E. Nipher, prof. de fiziko ĉe Washington-Universitato en St-Louis (Missouri, Usono), eltrovis siaopinie novan leĝon de fiziko, kiu, li pensas, povos konduki al vastaj ŝanĝoj ĉe la konstruprincipoj de l' fortaplika maŝinaro. La pretendata eltrovo estas, ke sur deklivo de 45 ĝis 60 gradoj oni bezonas, por ŝovi objekton, pli da forto, ol oni bezonus, por rekte levi ĝin. La klarigo estas, ke sur deklivo inter la gradoj supre diritaj la frota rezisto faras la ŝarĝon pli peza ol ĝia neta pezo.

Prof. Nipher lekciis antaŭ klasoj de inĝenierscienco kaj uzadis formulojn. Poste, trakontrolante la formulojn, li trovis, ke dum la rezisto ĝis 45 gradoj kaj sujer 60 gradoj estas malpli, ol la neta pezo, inter tiuj punktoj ĝi estas pli granda, kun la maksimuma rezisto inter 50 kaj 55 gradoj.

Li esploris plue kaj trovis, ke, kiom li povis ekscii, oni tute ne konis ankoraŭ tian leĝon. Li diris, ke li ankoraŭ ne havis tempon por tramediti la rilatojn de la eltrovo, sed li ne dubos, ke ĝi efikos revolucie sur la konstruadon de maŝinaro por venki la frotreziston. — El „*Amerika Esperantisto*", *H. M. Scott.*

 LITERATURO 

# Je la fino oni dancos

de **P. Rosegger**

En la antaŭĉambro susuris silko.

Mia ĉambristino alportis vizitkartojn: „Du sinjorinoj!“ Baronino de Crocci, Grafino Sigloff.

„Mi petas eniri.“

„Ah, kara sinjoro, ni estas tiel feliĉaj vin trovi hejme.“

Per manmovo mi invitis ilin sidiĝi, sed ili ne volis, antaŭ ol esti esprimintaj sian peton.

„Do, vi certe jam supozas,“ diris la malpli juna el la sinjorinoj, la baronino. „Neniu ja venas ĉe vin, kiu ne havus peton.“

„Tre flate.“

„Tio estas,“ korektis la grafino, „ĉiu, kiu vin vizitas, havas peton. Vi ja estas la afabla helpanto de ĉiuj embarasitoj. Helpu ankaŭ nin, ni petegas!“

Mi silentis; ree mi petis, ke ili sidiĝu. Facile estis divenebla tio, kion ili volis, kaj de la komenco mi estis decidinta rifuzi. Despli rekomendiĝas plej delikata afableco.

„Nia societo ‚La Malriĉulejo‘ aranĝas vesperfeston. Nun vi scias ĉion, kara majstro,“ diris la baronino.

„Vi ne rajtas, vi ne povas rifuzi,“ ekkriis la grafino, „almenaŭ unu numeron!“

„Ĉu mi devas kanti, sinjorinoj?“

La baronino volis prudente ĉirkaŭiri tiun spritaĵon, sed la grafino faldis ridante la manojn, per elegantaj grizledaj gantoj vestitajn: „Oh certe, sinjoro, kantu! Tiam ni estos savitaj. Nenion plu ni devos fari ol serĉi pli grandan salonegon, se vi kantos. Tio estus terure bela!“

„Escepte la lasta vorteto, mi plene konsentas, sinjorinoj.“ Sed tiu senĝena tono ne estis taŭga, nun ili fariĝis trudemaj.

„En tuta seriozeco de embarasita komitato, vi devas akcepti numeron ĉe nia koncerto. En la salonego Johanno, la 6 februaro.“

„Estas neeble, mi estas raŭka, tiun vesperon mi atendas vizitanton, mi devos fari konferencon en Praha kaj, se mi ne eraras, en Klagenfurt, ankaŭ mi estas terure malsana kaj eble ja ne plu vivos tiun tagon. Do, vi vidas, sinjorinoj, ke nepre mi ne povas akcepti!“

Ili ridis. „Konsenton ni ne bezonas, se vi nur recitos ĉe ni. Via kunlaboro, oh, kial tion diri, garantias, signifas ja la duonjaran lupagon por nia domo. Ne ni petas vin, estas centoj da frosttremantoj, malsatuloj, da senhejmaj personoj.“

„Sed kion mi devas reciti?“

„Kiel plaĉas al vi, por ĉio ni estas senfine dankemaj.“

„Verŝajne io serioza, konforma al la humana celo?“

„Kion ajn vi donos, la publiko estos ravita.“

„Kion vi opinias pri ‚Enoch Arden‘?“

„Oh kiel ĉarme! — Sed tio ne tro lacigas vin?“

„Aŭ la ‚Striko de la Forĝistoj‘?“

„Eble ankoraŭ pli bone. Je la dia amo ni ne volus tro penigi vin. Se necese, ni jam estus kontentaj kun eble kelkaj poezioj de Heine. Por la momento, ni estas treege dankemaj, ke ni povos presigi vian ŝatatan nomon en la programo. Havu mil, milfojan dankon. Ah, kiel ni ĝojas pri via partopreno. Ni tuj presigos la programojn. Ankoraŭ plej bonan dankon, kara majstro!“

„Ne valoras“ — — kaj for ili estis.

Du tagojn poste mi ricevis la programon. Ok numeroj, kaj kiaj eminentaj nomoj! Estis ludaĵoj de fortepiano, kantoj, mia recitado, violina solo kaj parolado pri la popola dialekto, de ŝatata humoristo. Poste, sube, kun pli grandaj literoj: „Je la fino oni dancos.“

Aha. — Tiam ‚Enoch Arden‘ estus certe tro laciga. — Je la fino oni dancos. — Mi elektis la ‚Strikon de la Forĝistoj‘, de Coppée kaj ‚Antaŭ Genciano‘, de Hamerling.

Oni vigle batis la tamburon. Sur la afiŝoj estis pentritaj figuroj en supermoderna stilo, kiuj devis prezenti senhejmajn malriĉulojn. En la gazetoj troviĝis kortuŝaj artikoloj pri la mizero de la senhejmuloj, el kiuj je tiu maldolĉa sezono vagas pli ol milo en la urbo, puŝataj al la morto pro malsato, frosto, senespero. La festa vespero alvenis. Ĉiuj kunhelpintoj, escepte la teatra kantistino, rifuzis la veturilojn, en kiuj oni volis ilin alkonduki, je la profito de la bonfara celo. Kiam mi venis en la salonegon, ah, kiel belege ĝi estis ornamita. Florkronoj, standardoj, edifaj sentencoj; el la pordoj, fenestroj kaj niŝoj la tapetistoj estis konstruintaj verajn artangulojn. Akvujoj kun orfiŝetoj freŝigis la aeron. La salonego jam estis plene okupita, tamen ne kun vicoj da seĝoj, sed kun proksimume kvardek rondaj biertabloj, ĉirkaŭ kiuj junaj paroj grupiĝis por manĝi kaj trinki. Multaj kelneroj flugkuris kiel hirundoj, kaj ĉiu volis esti malsatigata antaŭ la komenco de l' koncerto. Sed la fortepiana ludo estis jam komencinta, oni aŭdis tion speciale je la siblado de la publiko. Per siblo ĝi ja volis silentigi la bruon. Malgraŭ tio teleroj kaj manĝilaro sonis almenaŭ tiel aŭdeble kiel la klavoj, kiel ajn forte frapis ilin la artisto. Sub kelkaj tabloj mi aŭdis piedojn, batantajn la takton, kaj tamen ne estis valso, estis simfonio. La sinjoro ludis parton de la „Naŭa“, kun ĉiuj fingroj. Tion ne eltenis la junaj piedoj. Ne daŭris longe. Jam venis la opera kantistino. En la salonego fariĝis subite tiel silente, ke la kelneroj ekhaltis, kiel enradikiĝintaj, sur la loko kie ili ĵus staris. Estis bela sinjorino. Kia figuro, kiaj okuloj! „Oh, kiel mi envias tiun junan muelistón,“ murmuris petolema leŭtenanto.

„Juna muelisto? Kiun muelistón?“

„Tiu, kiu nun trapasas ŝiajn lipojn.“

Ĉar ŝi kantis la kanton de la juna muelisto.

La aplaŭdo estis akra kaj brua. Tri fojojn ŝi devis reveni, nur kelkaj tremis timante, ke ŝi ion aldonus. Sed ŝi jam ion sentis kaj ne faris ĝin. Ŝi ricevis bukedon grandegegan. Mi taksis je almenaŭ dudek senhejmuloj, kiujn por la prezo de tiu floraro oni estus povinta loĝadi dum kelkaj tagoj. Plia muzikaĵo ne havis sukceson. Estis tro delikata, tro dolĉe kaj sentoplene ludita. Estis por aŭdemuloj, dum en la salonego la zorgo pri freŝa biero mortigis ĉiun alian intereson. Nun venis mia vico. Mi jam fariĝis pli modesta kaj rezignis je ‚Antaŭ Gentiano‘. Dum mi supreniris la podion, komitatano min demandis mallaŭte, kiom daŭros proksimume mia recitado.

„Ne pli ol kvaronhoro.“

„Tamen tiel longe? Nu, bone!“

Aplaŭde salutita, kompreneble. Mi zorgis pri io alia. La mirindan poeziaĵon mi volis disvolvi antaŭ ili; tie ili vidu, ke sur nia mondo ekzistas ankoraŭ aliaj aferoj ol trinki bieron, amumi kaj flirti. Energie mi malfermis la libron kun la kortremiga poeziaĵo: ‚La striko de la forĝistoj.‘ — Iu tusis, poste estis trankvile, unu, du minutojn. Poste denove tusado, iam kaj tiam tintanta telero, brueto de piedoj, kaj en la apuda salono murmuro de personoj. Pst! grumblis iu, la maltrankvilo daŭris, pligrandiĝis. En la unuaj vicoj estis ankoraŭ atentaj personoj. Sed pli malproksime! Mi malgajnis la ludon. La animon mi jam estis perdinta kaj mekanike mi recitis mian temon. Mi estis en tia terura stato, en kiu oni estas persekutata de malnoblaj ideoj ne plu forigeblaj. Mi pensis sole pri la publiko kaj kion ĝi pensas pri mi. Fakte mi ja ne aŭdis la rimarkojn de la junuloj en la fundo de l' salono, sed mi sentis ilin.

„Tiujn strikojn mi ĉiam plenkore malamis,“ diris juna paperfabrikanto, „kaj nun ili persekutas vin en la dancejon.“

„Ŝajne li tute ne volas ĉesi,“ murmuris alia, kiam mi estis leginta kvin minutojn, „mi kredas, ke li faras obstrukcion.“

„Oni alvoku la policon! Ekzistas ankoraŭ strikrompantoj en nia lando. Je via sano!“

Mi ne aŭdis ĝin, sed estas certe, ke tiel oni sin spritamuzis. Tiajn aferojn oni sentas sugeste. Cetere, la kunfrapadon de glasoj

mi aŭdis reale. La tuso kaj tusetado, la nedifinebla bruo de ŝovitaj seĝoj, la ĉiam malpli ĝena glitirado de mallaŭte alvokitaj kelneroj diris al mi senĝene: „Lasu tion, mia kara, finu baldaŭ kaj konsideru, ke post vi venos ankoraŭ kelkaj stacioj de sufero, ĝis ni atingos la dancadon.“ — Pli ol unu rigardis kaŝe, aŭ tute malkaŝe, sian poŝhorloĝon. Malofte mi tiel plene konsentis kun la publiko kiel tiam, pri la deziro: Se mi nur estus fininta! Oni ja povus rompi subite, ĵeti la libron super la kapoj de tiu dolĉa monstro, la publiko, kaj foriri, sed mi kredas, ke ankaŭ tiu drama surprizo ne estus ĝin kontentiginta. Rezigne mi do legadis la poeziaĵon. Ĉe la katastrofo, kiam la forĝisto mortigis la agitatoron, mi vidis en la publiko plurajn manojn, kiuj sin metis al la frunto, ĉu por kaŝi skuon de la kapo, ĉu la oscedadon. — Kiel oni povas nur elekti tian verkon por dancfesto! Tute malaprobajn gestojn mi vidis. — Kontraŭe la aplaŭdo de la fino estis sincerega. Kortuŝa danko, ke je la favoro de la dancemuloj mi kompate rezignis je la „obstrukcio“. Granda pezo ŝajnis esti falinta de iliaj koroj. Al la ĝojuloj mi montris min ĝoja, sed en mia internaĵo terura ĵuro eksplodis: „Neniam plu!“

La violinisto, kies vico nun alvenis, estis saĝa homo, ĉar el la sperto li estis lerninta. Li devis sin senkulpigi, lia violino subite fariĝis raŭka. „La komitato treege bedaŭras, sed certigas al la ŝatata artisto sian dankemecon por la granda afableco de lia preteco; sed se li sentas sin malsana, neniu ĉeestanto estus tiel sendiskreta postuli neeblaĵon.“

Nun ankoraŭ la humorista parolanto pri dialekto. Ili atendis lin avide. Ankoraŭ iom ridi kaj poste — danci. Rakontetoj, mi pensis, venus kaj poste li verŝajne enŝprucus en iliajn vejnojn kelkajn varmajn amkantojn. — Irante al la podio, la dialektisto preterpasis mian tablon kaj murmuris super mia ŝultro: „Kolego, mi venĝos vin.“

„Kio? Kion vi faros?“

„Mi legos al ili la ‚Ahndl‘, de Stelzhammer, ĝi daŭras tri horojn.“

„Je la nomo de Dio, ne!“ mi sopiris terurigite.

„Ĉu vi kompatas tiun brutaron?“

„Certe ne, sed mi kompatas Stelzhammer. Havu tiom da estimo por via granda samregionano, por ne ĵeti lin inter la malpaciencaj kruroj de la dancfrenezuloj.“

„Mi zorgos por ĉiuj bezonoj“, li diris kaj supreniris la podion. Tie li sidiĝis komforte ĉe la paroladista tablo, tiris pakaĵon da paperoj el la brustpoŝo, ordigis trankvile la foliojn kaj grave ekparolis:

„Tre estimataj gesinjoroj!

„Volonte mi sekvis la inviton de festkomitato tiel sciencema kiel artamanta, doni karakterizon de la dialektoj ĝenerale kaj de nia regiona parolmaniero speciale. La filologio estas treege grava scienco; eĉ mi inklinas ĝin nomi la patrino de ĉiuj sciencoj. Kvankam, pro la jam malfrua horo, mi ne povas enprofundiĝi en la abundan riĉaĵon de la materio, kiel estus dezirinde, estos tamen nepre necese komenci por la ĉefaj klarigoj kun la kompara metodo, antaŭ kiam ni povos pritrakti pli proksime la detalojn.“

Post tiuj enkondukaj frazoj paŭzeto.

La publiko fariĝis rigida, juna virino ĉe proksima tablo elspiris sopiron, kvazaŭ kaŝmortige kaj senbrue malvarma ponardo estus puŝata en ŝian koron; grafino Sigloff kunprenis la manojn kaj ĉirkaŭrigardis je helpo.

La paroladisto daŭrigis: „Celante mem la deziratan koncizecon mi tuj montros per ekzemplo la rimarkindan precizecon de la dialekto. Por tiu celo mi prenas iun ajn poeziaĵon el la bona lingvo, ekzemple la jenon: ‚Bala Muziko‘.

Lasu do ĉe viaj vesperfestoj
Di' Amoron ludi la muzikon
Kaj ne volu, ke por ĉiu amuzaĵo
La poetoj venu vin humile servi.
Kredu, kun pli gravaj priokupoj
Nia kapo estas plenigata.
Se vi malestimas niajn versojn,
Nin ne interesas via danco!

Kaj nun, tre estimataj geaŭdantoj, atentu kiel tiu en la bona lingvo tiel multvorte kaj komplike esprimata ideo trafe koncentriĝas per la kampara dialekto en du vortoj, mi ripetas en du solaj vortoj, kies sono rememorigas antikvan lingvon, la egiptan aŭ pli bone la malnovan ĥaldean. Estas la vortoj multvaloraj: ‚Leku min!‘ “

La paroladinto faris reverencon kaj malsupreniris. La aplaŭdo estis grandega, konforma al la ĝojiga surprizo pri la neatendita subita fermo. Ĉu oni komprenis aŭ ne, la granda merito de l' humoristo estis lia koncizeco.

Kaj nun komencis la perforto. Kiel la artistoj estis elĵetitaj morale, la tabloj kaj seĝoj suferis tiun sorton reale. Al la kelneroj kaj servistoj vigle helpis sinjoroj kaj sinjorinoj, ĝis kiam la salono estis malplena je ĉiu meblo kaj la vojo libera por la danco. Poste alvenis la korpa gvardio de Kupido, dudekses muzikistoj.

Mi estis trovinta ĉapelon kaj bastonon. Dum la muziko jam ludis la unuan valson kaj la paroj rondeturnis en la salono, mi demandis je la eliro la kasiston pri la rezultato.

„Brilege,“ li respondis. „Tamen ni havos malgrandan deficiton.“

„Deficiton? Kial?“

„La alta luprezo de la dancejo, la dekoracioj, la muziko. Sed tio ja faras nenion.“

„Ah, dankon.“

Nun mi komprenis. Temis simple pri dancvespero. Kaj ĝi devis esti kovrata per la ŝildo de l' bonfaro kaj de la nomoj de kelkaj popularaj artistoj, funkciantaj kiel allogiloj. — Cetere, kiun koncernas tio? la societo por la malriĉulejo ja pagos la deficiton. Tra la noktaj stratoj blovis trančanta vento. Antaŭ la enirejo de domo io kaŭris surtere. Ĉe la lumo de alumedo montriĝis juna viro, volvita en ĉifonoj, kiu grincis kun la dentoj kaj febris je la tuta korpo.

„Kion vi faras ĉi tie? — Neniu dormejo? Kiel eble, oni ja tiom okupiĝas pri socialaj bonfaroj. Ĉu vi vidas la lumon, aŭdas la muzikon? Oni dancas por la malriĉuloj! Trad.: *Ed. St.*

---

# *Al niaj abonantoj*

*Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperas ĉiumonate.*

*La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj, kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj (svisa valoro) per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.*

*Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2.50 frankoj.*

*La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj kaj ne havas la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.*

*Kelkaj abonantoj en la militantaj landoj plendas pri neregula ricevo de nia gazeto. Tiu manko devenas de la poŝta kontrolo, kiu, en kelkaj regionoj, sen iu kaŭzo, jen allasas, jen malhelpas la alvenon de nia gazeto. En okazo de nericevo, niaj legantoj bonvolu plendi al ni; la mankantajn kajerojn ni laŭeble anstataŭos. La ekzempleroj retenataj de la poŝta kontrolo ne estas resendataj al ni; pri ilia nericevo ni do povas esti informataj nur per niaj abonantoj mem.*

*Dum la daŭro de la milito, la abonantoj povas ankaŭ pagi sian reabonon al: S-ro S. Szabunievicz, Bankovskij 2, Moskvo (por* Rusujo*). — S-ro F. Ellersiek, Wissmannstr. 46, Berlin S 59 (por* Germanujo*). — S-ro D-ro Sos, Tuchlauben 18, Wien I (por* Aŭstrio*).*

*Pro la alta kurzdiferenco, la* rusaj abonantoj *estas informataj, ke ili devas de nun pagi 2.50 rublojn por abono al ordinara eldono kaj 3.— rublojn por luksa eldono.*

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Naŭa Kongreso de Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko

Pro malfrua alveno de „*Amerika Esperantisto*“ ni ne povis ĝis nun raporti pri tiu kongreso, kiu okazis la 27—30 julio en *Annapolis* (Maryland) kun tre kontentiga sukceso.

La laboraj kunvenoj estis prezidataj de S-ro E. C. Reed. S-ro G. W. Lee funkciis kiel vicprezidanto kaj F-ino I. A. Mc Caffrey kiel sekretario. Interesaj raportoj estis legitaj pri la stato de nia movado en la diversaj partoj de Usono, el kio montriĝas, ke ĝenerale niaj progresoj estas kontentigaj. Oni decidis le daŭrigon de la garantia fondaĵo, kiu nun sumas 775 dolarojn. Diversaj rezolucioj estis voĉdonitaj favore de personoj aŭ institucioj helpintaj al nia movado.

Ĉe la kunveno de la Konsilantaro, S-ro D-ro H. W. Yemans, nia bone konata samideano, prezidinto de la Universala Kongreso en Washington, estis elektita kiel prezidanto de la nacia Asocio. S-ro D-ro B. K. Ŝimonek estos vicprezidanto kaj S-ro D-ro C. H. Fessenden sekretario-kasisto. La aliaj specialaj komitatoj estis submetataj al reelekto.

La 27 julio okazis granda festeno, sekvita de tre agrabla vesperfesto, ĉe kiu multaj Usonaj samideanoj ĉarmis la ĉeestantaron per deklamaĵoj kaj paroladoj. La posta tago estis parte dediĉita al serio de vizitoj al lokaj interesaĵoj. La vesperon de 29a estis aranĝita publika kunveno, ĉe kiu partoprenis ankaŭ enurbaj neesperantistoj. La programo konsistis el paroladoj apartigitaj per deklamaĵoj, muzikaĵoj kaj kantoj. Dimanĉon, Pastro Paul Hoffman, el New Jersey, gvidis impresan diservon en Esperanto.

La gazetoj de Annapolis kaj Baltimore multe helpis la sukceson de tiu manifestado kaj bone informis sian legantaron pri ĝi.

Agrabla surprizo por la kongresanoj estis la edziĝa ceremonio en Esperanto inter F-ino Isabelle A. Mc Caffrey, antaŭa sekretariino de la Amerika Esp. Kompanio, kaj S-ro John S. Horn, fervora samideano jam de 1911. Dank' al la afableco de Pastro James L. Smiley, povis okazi tiu unua en la mondo edziĝa ceremonio en Esperanto, pri kiu raportis multnombraj Usonaj gazetoj.

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

### Britujo.

*Bradford:* La sidejo de la societo nun estas ĉe Church Institute, North Parade. — *Edinburgh:* La Esp. societo partoprenis en la ekspozicio de lernejaj lernolibroj. La sukceso estis tute kontentiga; oni vendis multajn lernolibrojn. — *Enfield:* Nova kurso komenciĝis. — *Leeds:* Publika propaganda kunveno okazis. Kurso estos malfermata. — *Portrush:* Okazis neformala konferenco de Irlandaj Esp-istoj sub la prezido de S-ro Warden. Ĉeestis reprezentantoj de Dublin, Belfast kaj Cork. — *Stockport:* Nova grupo fondiĝis. Adreso: F-ino F. Kilner, 31, Regent Rd., Heaviley.

### Danujo.

La prezidanto de Centra Dana Esp. Ligo, F-ino Noll, fine de septembro, faris rondvojaĝon al diversaj provincurboj, kie ŝi, por propagandi, parolis pri „Esperanto antaŭ, dum kaj post la milito“ aŭ pri „Esperanto kiel pacfaktoro“. La paroladoj okazis en instruista, en komerca, en bontempla, en virina kaj en Esp. societo. La bonegaj paroladoj estis de la lokaj ĵurnaloj tre laŭdataj. — *Kopenhago:* La klubanoj kiel kutime renkontas ĉiusemajne je kunveno, kie oni sin okupas je paroladoj, kantoj, diversaj ludoj, k. t. p. Kursoj okazas, kaj la gazeto „Esperanto-Raporto“ regule aperas.

### Francujo.

*Le Mans:* Sekve de la cirkulero de la Ŝtata Subsekretario, la Esp. Grupo interrilatis kun la Direktoro de la saneca servo, kiu permesis paroladojn pri la uzo de gvidlibreto Bayol en ĉiuj hospitaloj. Tiuj paroladoj okazis en 11 hospitaloj antaŭ 600 aŭdantoj. Kompleta kurso ĵus estis organizita. — *Marseille:* S-ro Giraud preparas kurson en rilato kun la eksperimento iniciatita de S-ro Marshall. Estus aranĝataj ankaŭ angla-Esp. kurso de S-ro Michel kaj rusa-Esp. kurso de S-ro Kakowski. Dank' al instigo de S-ro Giraud la „Revue des Primaires“, ĵurnalo por instruistaro, publikigos Esp. kurson.

### Hispanujo.

*Baracaldo:* S-ro Cancedo gvidos kurson en la grupejo. — *Bilbao:* S-ro Allende gvidas kurson ĉe la arta kaj ofica lernejo. Kurso okazas ankaŭ en la socialista grupejo. — *Sabadell:* La ĉiujara festo organizita de la grupoj „Aplech“ kaj „Katolika Stelo“ de Sabadell, kaj „Lumon“ de Tarrasa havis plenan sukceson. Post komuna manĝo kaj teatra prezentado, S-ro J. Grau faris belegan paroladon pri la utileco de nia lingvo antaŭ ĉ. mil ĉeestantoj. — *San Sebastian:* S-ro Tuduri, S-ro Ed. Kühnl, ĉeka samideano, kaj aliaj celas revigligi la propagandon. — *Santander:* S-ro Pedraz kaj aliaj pretiĝas ellerni kaj propagandi nian lingvon. — *Toloso:* S-ro Pastro Planas denove gvidas kurson. — *Zaragoza:* La kursoj daŭras en la grupejo. La grupo prepariĝas por okazigi tie la duan kongreson de la Hispana Esp. Konfederacio.

### Italujo.

*Feltre* (Belluno): S-ro Angelo De Masi, docento de la Itala Katedro de Esp. kaj sekr. de la Padova Esp. Grupo faris, post parolado de S-ro Bruno Migliorini kurson, kiun ĉeestis 20—25 personoj. Ekzamenoj bone sukcesis kaj klubo „Verda Stelo“ fondiĝis. Prez. S-ro Adv. M. Cicogna; sekr. J. Gazzi; kas. Pastro F. Trojan.

### Nederlando.

*Amersfoort:* Fondiĝis Esp. Societo. — *Amsterdam:* En „Het Midden“, organo de la ligo de maristaj suboficiroj, aperas Esp. kurso de S-ro H. Blok. — *Bergen op Zoom:* La nove fondita katolika komerclernejo aldonis Esperanton kiel laŭvolan fakon en sia studprogramo. Same agis la katolika komerclernejo en *Walwijk.* — *Leiden:* Okazis Esp. ekspozicio vizitita de pli ol 200 personoj. S-ro C. F. L. Crop faris paroladon. Kurso malfermiĝos.

### Rusujo.

*Barnaul:* Inter la nove alvenintaj militkaptitoj, S-ro Kapitano Neumann, el Vieno, aranĝis rondon por lernado de nia lingvo. — *Moskvo:* La ĵus aperinta 1a N-ro de la revuo „Jedinjenie“ (Unueco), organo de la Ruslandaj Tolstojanoj, enhavas artikolon pri Esp. de D-ro Kabanov kaj flugfolian ŝlosilon. — *Voronej:* Nia lingvo disvastiĝas inter la lernantoj de la lokaj mezaj lernejoj.

### Svedujo.

*Stockholm:* La Laborista Esp. Grupo havis sian jarkunvenon; dum aŭtuno ĝi aranĝos jarfeston. La gazeto „Saningsmannen“ (Semanto) enhavas Esp. kurson redaktatan de S-ro Adamson. La gazeto „Antikrigsorder“, gvidata de Pastro Wickman, fervora propagandisto de nia lingvo, publikigis specialan Esp. numeron.

## Svisujo.

*Neuchâtel:* S-ro G. Strœle komencis kurson; F-ino Chenevard komencos alian en „Virina Rondo".

## Argentino.

*Pergaminò:* Dank' al la penado de S-ro L. Kelety, la movado estas nun vigla. Fondiĝis grupo kun pli ol 110 lernemaj anoj. Kurson multe vizitatan gvidas S-ro Kelety. La gazeto „El Pueblo" publikigas favorajn artikolojn.

## Brazilujo.

*Caravellas* (Bahia): S-ro Zozimo Lima gvidas kurson ĉe la kolegio, laŭ invito de S-ro direktoro Pedro Autran. — *Coimbra* (Minas Geraes): La gazeto „A Voz de Serra" publikigas Esp. fakon. — *Rio-de-Janeiro:* S-ro A. Couto Fernandes malfermis kurson kun 25 lernantoj. D-ro Nuno Baena malfermos superan kurson. La klubo „Esperanto" festis sian 25-an kunvenon. — *Saude* (Minas Geraes): S-ro Ismael Gomes Braga malfermis kurson.

## Usono.

*Butte* (Idaho): S-ro R. E. Blackstone paroladis ĉe la Socialista Klubo. — *New York* (N. Y.): Ĉe Asbury Park la lokaj Esp-istoj renkontiĝis kun samideanoj el Perth Amboy, N. J., kaj Philadelphia por ekskurso. Paroladoj estis faritaj de S-roj Fischer, Ehrlich kaj Silbernik. — *Tilden* (Nebr.): Pastro C. P. Lang gvidas kurson, konsistantan el studentoj en la altlernejo. — *Trousdale* (Okla.): La samideanoj de la ŝtato Oklahoma organizis Ŝtatan Asocion, kiu aliĝos al la nacia Asocio.

## Aŭstralio.

*Melbourne:* Nova socialista Esp. grupo estis starigita; ĝi jam enhavas kvindek membrojn.

## Persujo.

*Teheran:* Princo Bahmen Ŝidani, Bahajano, fervore propagandas nian lingvon. Okazas kursoj kun 20 lernantoj. Aperis multaj gazetartikoloj.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj paca movado.** — Dank' al la agado de S-ro deputato Morgari, la sekretariejo de la Neŭtrala Konferenco en Stockholm (iniciato Ford) decidis eldoni ankaŭ en Esperanto broŝuron pri la celoj kaj ĝisnunaj laboroj de la Konferenco. Tiu broŝuro, tridek-du paĝa, estas presita je 5000 ekzempleroj; ĝi estos dissendata al la Esperantistoj de la neŭtralaj landoj. Ĝi enhavas klarigojn pri la organizo kaj agado de la Konferenco, kaj la tekstojn de la Alvoko al la Registaroj de la Neŭtralaj Ŝtatoj kaj de la Alvoko al la Registaroj, Parlamentoj kaj Popoloj de la militantaj nacioj. Tiu interesa fakto montras plian fojon, ke eĉ dum la milito oni alte taksas la utilecon de Esperanto por atingi diverslandan publikon.

∴ **Esperanto kaj Bahaistoj.** — Ni ricevis la jenan komunikajon de la Prezidanto de la „Bahaia Templo-Unueco":

„Ĉe la Oka Kongreso de la Bahaia Templo-Unueco, kiu okazis en Chicago la 29 aprilo ĝis la 2 majo 1916, post kelkaj priparoladoj pri la Esperanta-Movado, estis alprenata la jena rezolucio, kiun kun granda plezuro mi sendas al vi.

„Pro tio, ke Baha'o'llah, en la Sesa Iŝrak, ordonis, ke oni starigu lingvon internacian, kaj

„Pro tio, ke Abdul Baha atentigis pri tiu ĉi instruado en grandnombraj paroladoj kaj tabuletoj, kaj rekomendis la studadon de Esperanto en la Oriento kaj en la Okcidento, estu

„*Decidata:* ke la Bahaia Templo-Unueco de Ameriko dissendu koregajn salutojn al ĉiuj naciaj Esperantistaj Asocioj de la mondo, ĉar ĝi kunsentas kun ili en iliaj penadoj disvastigi tra la tuta mondo lingvon internacian. Tia estas Esperanto."

∴ **Esperanto antaŭ komerco, industrio kaj trafiko.** — Sub tiu ĉi titolo, la gazeto „*Nederlanda Katoliko*" eldonis en formo de dek-du-paĝa ĵurnalo (formato 36 : 50 cm) nederlande redaktitan propagandilon, kiu enhavas tre kompletan kolekton de ĉiuj faktoj pri uzado kaj propagando de nia lingvo en la tuta mondo (Esp. kaj lernejoj, Esp. en la parlamentoj, Esp. kaj komerco, Esp. kaj turismo, Esp. kaj la registaroj, Esp. kaj milito, Esp. kaj religio, Esp. kaj literaturo, k. t. p.). Dank' al sia malalta prezo kaj sia praktika enhavo, tiu ĵurnalo bonege taŭgas kiel propagandilo. Gratulindaj estas la Nederlandaj samideanoj pro sia iniciato. Mendojn oni adresu al S-ro J. Pastoor, Postbus 5, 's Hertogenbosch (Nederlando). Prezo: 1 ekz. 5 cent, po 50 ekz. 4½, po 100 ekz. 4, po 250 ekz. 3½, po 500 ekz. 3, po 1000 ekz. 2½ ct., plus afranko.

∴ **Esperanto sur la batalkampo.** — Franca militkaptita samideano en Germanujo, S-ro Th. Penisson, nun en Merseburg, sendis al ni la jenajn liniojn pri interesa ekzemplo pri la utileco de nia lingvo sur la batalkampo:

„La 27 aŭgusto 1914 mi estis militkaptito jam de tri tagoj, mi morale suferis, kaj mi malsatis, kiam venis al mi la ideo, uzi la elementojn de Esperanto, kiujn mi estis lerninta en Francujo. Mi turnas min al germana soldato kaj demandas: „Ĉu vi parolas Esperante?" Li nee respondas, mi demandas du aliajn; la tria, je mia granda surprizo, jese respondas; kvankam „malamikoj" ni interparolas kiel veraj kamaradoj; mi petas de li panon, kaj li malavare donas al mi sian porcion, kiun mi ne estus havinta, se mi ne povus min komprenigi. De tiam, mi, laŭ mia eblo, disvastigis Esperanton. En la sola kaptitejo de Altengrabow, mi gajnis du cent adeptojn."

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Al niaj membroj.** — Ni informas niajn membrojn, ke la kotizajo por la administra jaro 1917 (komenciĝanta je la 1 novembro 1916) estas de nun pagebla al ĉiuj Delegitoj kaj al la C. O. de UEA, kiel kutime, 2. 50 Fr. por ordinara membro kaj minimume 5 Fr. por subtenanto.

La nunaj kondiĉoj ne permesas al ni, eldoni Jarlibron por 1917; pro la malmulteco de la ŝanĝoj lastjare okazintaj en la adresaro de la Delegitoj, ĝi cetere ne estas tre bezona. Anstataŭe, la membroj repagintaj la kotizajon por 1917 ricevos, kune kun sia membrokarta banderolo, broŝuron pri la *stato de la Esperanto-movado dum la milito* (raporto pri la laboroj de UEA kaj pri la Esperantista agado en la diversaj landoj, laŭ la raportoj de la naciaj Esperantistaj Societoj). Tiu broŝuro estos preta en fino de decembro.

La *novaj membroj*, krom tio, ricevos ekzempleron de la Oficiala Jarlibro 1916, tiamaniere, ke ili povu uzi la servojn de nia Asocio kaj konatiĝi kun ĝia organizo.

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 24,500 |
| 128. Generalo H. Sébert, Paris | 500 |
| Frankoj | 25,000 |

Notante kun varma danko, ke S-ro Generalo Sébert bonvolis akiri la kvar lastajn atestojn, ni plezure konstatas, ke la Garantia Kapitalo estas nun plene enpagita, konforme al la Regularo. Raporto pri la Kapitalo kaj ĝia administrado aperos en unu el la proksimaj N-roj de Esperanto.

Por ke restu la ebleco fariĝi Dumviva Membro, estas necesa la eldono de 100 pliaj atestoj je samaj kondiĉoj. La komitata decido, nuntempe privoĉdonata, estos baldaŭ publikigata.

La Financa Fakestro: *Ed. Stettler.*

**Kotizaĵoj por 1916.** — Je la 30 septembro estis enkasigitaj 2531 kotizaĵoj (el kiuj 109 subtenantoj). Krom tio estas 146 dumvivaj membroj. Sume: 2677. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 71.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato septembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 728 | 638 |

*Tuta sumo*: 1,366. (Antaŭa monato: 2,493.)

**Repagado de la kotizaĵoj dum 1916.** — Ni ĉi-sube publikigas, laŭ vico de multnombreco, la nomaron de la urboj, ĉe kiuj almenaŭ 10 membroj repagis la kotizaĵon por 1916.

| | | | |
|---|---|---|---|
| London | 123 | Magdeburg | 14 |
| Rotterdam | 60 | Olomouc | 14 |
| Paris | 49 | Boston | 13 |
| Sevilla | 48 | Genève | 13 |
| Moskvo | 43 | Petrograd | 13 |
| New York | 42 | Stockholm | 13 |
| 's Gravenhage | 37 | Washington | 13 |
| Palma de Mallorca | 35 | Lisboa | 12 |
| Glasgow | 33 | Newcastle | 12 |
| Córdoba | 30 | Zürich | 12 |
| Berlin | 29 | Astraĥan | 11 |
| Edinburgh | 28 | Bradford | 11 |
| Montevideo | 27 | Cardiff | 11 |
| Lyon | 26 | Chemnitz | 11 |
| Breslau | 23 | Dresden | 11 |
| Sabadell | 23 | Neuchâtel | 11 |
| Stuttgart | 23 | Philadelphia | 11 |
| Buenos Aires | 21 | Sheffield | 11 |
| Königsberg | 21 | Budapest | 10 |
| Kristiania | 21 | Hamburg | 10 |
| Barcelona | 19 | Hannover | 10 |
| Liverpool | 17 | Huddersfield | 10 |
| Chicago | 16 | Krakow | 10 |
| Gefle | 16 | Leipzig | 10 |
| Melbourne | 16 | Le Locle | 10 |
| Peel, Isle of Man (Militkaptitejo) | 16 | Manchester | 10 |
| Madrid | 15 | München | 10 |
| | | Wiesbaden | 10 |

## Novaj Delegitoj.

*Adelboden* (Svisujo, Berna Kantono). — D.: S-ro Th. Hopf, apotekisto.

*Biel* (Svisujo, Berna Kantono). — D.: S-ro G. Mairet, fabrikejo de risortoj por poŝhorloĝoj, 72, ch. du Haut.

*Karachi* (Hindujo, Sindh). — D.: S-ro P. Dubash, entreprenisto, Pestonji Bhicaji, Kimari.

*Meiringen* (Svisujo, Berna Kantono). — D.: S-ro R. Schiffmann, poŝtestro.

*Voronej* (Rusujo, Voronej gub.). — D.: S-ro K. Veselovskij, 1 Krutaja.

*Winterswijk* (Nederlando, Gelderland). — D.: S-ro C. G. Sterkenburg, instruisto, Gasthuisstraat.

## Ŝanĝoj.

*Bilbao* (Hispanujo, Viscaja). — D.: S-ro Victor O. de Allende, Diputacion.

*Budapest* (Hungarujo). — VD.: S-ro Jozsef Popper, VI, Hajos ut. 15, II, 6.

*Recife* (Brazilujo, Pernambuco). — D.: S-ro D-ro Methódio Maranhão, profesoro ĉe la Supera Lernejo de Leĝoscienco.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj:

*Bizerte* (Tunizio); *Goyanna* (Brazilujo); *Groenlo* (Nederlando); *Kairo* (Egiptujo); *Karlsruhe* (Germanujo); *Les Sables d'Olonne* (Francujo).

# Rememorindaĵoj

En la decembra N-ro 1913 de nia gazeto, ni aranĝis enketon pri la *estonteco de Esperanto*, en kiu partoprenis diverslandaj konataj samideanoj. Ni opiniis, ke interesos niajn legantojn, novajn kaj malnovajn, la represado de la respondo, kiun tiam sendis nia kara vicprezidanto *Theophile Rousseau*. Ili retrovos en tiuj linioj, ankoraŭ meditindaj, la sagacajn pripensojn, kiujn inspiris al nia bedaŭrata kunlaborinto longa sperto pri nia movado kaj klara konscio pri ĝiaj bezonoj.

La demandaro rilata al la enketo estis la jena:

I. En kio, laŭ via opinio, konsistas tio, kion oni ĝenerale nomas la sukceso aŭ la triumfo de Esperanto?

II. Kia estas, laŭ vi, la plej bona vojo por sukcesigi Esperanton? (Individua propagando, praktika aplikado, apogo de la aŭtoritatoj, k. t. p.)

III. Kiamaniere vi konsideras la rilatojn inter Esperanto kaj la registaroj?

IV. Kia estas via opinio pri la estonteco de la diversaj organizaĵoj de nia movado?

V. Kia estas, laŭ vi, la plej urĝa necesaĵo en nia movado? Kiaj estas la plej gravaj danĝeroj evitotaj.

VI. Ĉu vi opinias, ke Esperanto havas aŭ havos senteblan influon je la internacia paco, aŭ ĉu ĝi estas nura ilo, kiu per si mem ne speciale influos ĝin?

*La sukceso de Esperanto*

I. Laŭ opinio de multaj, la sukceso aŭ la triumfo de Esperanto konsistos el tio, ke ĝi estos akceptita en la tuta mondo kiel helpa lingvo por la internaciaj rilatoj. Mi mem ja ne scias, ĉu tia tago iam venos.

La sukceso de aŭtomobiloj (kiun neniu neas) konsistas ne el tio, ke ĉiu homo havas aŭtomobilon, sed el tio, ke multaj homoj utile aŭ plezure uzas ilin. Same la sukceso de Esperanto ne konsistos el tio, ke ĉiu homo ĝin scios, sed konsistas ja el tio, ke jam de nun, ekzistas oftaj cirkonstancoj, ĉe kiuj multaj homoj estas certaj ĝin trafe uzi.

*La vojo al sukceso*

II. Kiu estas la plej taŭgaj armiloj por venki sur la batalkampo? Ĉu tiuj de infanterio, de kavalerio, de artilerio? Kion vi opinius pri ĉefgeneralo, kiu irus al la batalo nur kun infanterio? aŭ nur kun kavalerio, aŭ nur kun artilerio? La samon kiel pri li mi opinius pri esperantista estraro, kiu laborus por nia afero nur per individua propagando, aŭ nur per praktika aplikado, aŭ nur sin apogante sur aŭtoritatoj.

La talento de eminentaj estroj konsistas el tio, ke ili havu sufiĉe da saĝo por uzi la individuan propagandon tie, kie ĝi taŭgas, antaŭenpuŝi la praktikan aplikadon, necesan bazon kaj veran celon de nia afero, kaj en la taŭga momento kapti la helpon de la aŭtoritatuloj.

*Esperanto kaj registaroj*

III. Koncerne niajn rilatojn kun la registaro, ni ne forgesu ke, dum nuntempe la registaroj havas prizorgojn esence naciajn, Esperanto estas antaŭ ĉio internacia afero. Nia lingvo vivas kaj sukcesas nur ĉar ĝi estas la ilo de tiuj personoj, kiuj, pli malpli konscie havas internaciajn priokupojn, kaj estas civitanoj ne nur de sia propra amata patrujo, sed jam ankaŭ iom civitanoj de tiu pli vasta patrujo, kiu, tagon post tago, malgraŭ lokaj aŭ momentaj reagoj, ellaboriĝas, nome la tuttera civilizita mondo. Tiuj naciaj registaroj, ĉe kiuj regas ŝovinismaj influoj, ne helpos nin; ni atendu pli favoran momenton por peti ilian favoron; ni agu ne tro brue en tiuj landoj, ni kontentigu nin per la lokaj kaj regionaj apogoj, kiujn malgraŭ la malfavoro de la centra registaro, ni povos trovi. En la landoj, kiuj ne tro banas en la ŝovinistaj ondoj, ni pli facile ricevos daŭran kaj utilan helpon. Ĉiuokaze niaj esperantistaj organizaĵoj restu tute memstaraj ekster la registaroj. Naciaj aŭtoritatoj ne povas kapti por si Esperanton nek ĝin malliberigi, sed se ni tro fidus al ili, ili facile povus, en iaj cirkonstancoj, paralizi niajn estrarojn, disfaligi niajn esperantistajn instituciojn kaj societojn, kaj tiel por tre longatempe, se ne por ĉiam, haltigi nian movadon.

*Nia organizo*

IV. En la lasta tempo la organizado de nia tuta afero tre ĝojige firmiĝis: kuniĝo de lokaj grupoj en federacioj aŭ ligoj, de federacioj aŭ ligoj en naciaj societoj, pli intimaj kaj regulaj rilatoj de naciaj societoj kun UEA. En tio certe estas la skemo de nia definitiva tutmonda organizado.

Mi esperas, ke la estonteco alportos al ni ĉefe plisimpligojn. Ekzemple: pli efika kunlaborado de la lokaj grupoj kaj delegitoj de UEA, tiel, ke la samideanoj, kiuj deziras esti membroj de la loka grupo, de la regiona ligo aŭ federacio, de la nacia societo kaj de UEA povu pagi la tuton en unu sola kotizaĵo per unu sola klopodo; ke estos nur unu oficiala gazeto esperantista kaj nur unu jarlibro por ĉiu federacio aŭ ligo, nur unu por ĉiu nacia societo, nur unu por la tutmondaj esperantistaj aferoj; ke niaj kongresoj fariĝos ne nur esperantistaj festoj kaj manifestadoj sed ankaŭ granda internacia laborejo, en kiu oni studos ĉiujn temojn interesantajn la antaŭenigon de la tutmonda kulturo; ke la Konstanta Komitato de la Kongresoj, la Lingva Komitato, la Akademio, estos pli kaj pli konsiderataj kiel laborantaj por la bono kaj la utilo de la jam ekzistantaj organizaĵoj, nome de la naciaj societoj, UEA kaj la fakaj societoj; kaj ke, siaflanke, tiuj organizaĵoj, ne bezonante novan reprezentantaron aŭ similan kreotaĵon, prenos sur sin la kolektadon de la necesa mono por la normala funkciado de tiuj institucioj.

*La plej urĝa necesaĵo*

V. Laŭ mia opinio la plej urĝa necesaĵo, tute ne estas trovi ian sensacian genie elpensotan rimedon por plirapidigi la disvastiĝon de Esperanto. La plej urĝa necesaĵo estas daŭrigi metode, plenfide, kaj en prudenta entuziasmo, nian unuan laboradon, uzante tre simple sed ordeme kaj harmonie la rimedojn, la instituciojn, kiujn ni ĝis nun kreis. For la fantaziuloj, la grupoj, kiuj ekzistas nur sur la papero, la „societoj," kiuj havas duban administradon, neklaran buĝeton, iom hazarde elektitajn estrojn; for la gazetoj, kiuj vivas nur el artefarita bezono aŭ — pli malofte sed ja pli danĝere — el kritikaĵoj kaj polemikoj. Sed ni energie subtenu ĉiun seriozan institucion, kiu ageme kaj regule plenumas sian taskon.

Pri la danĝeroj mi opinias, ke neniu estas tre grava en la nuna momento. La plej timindaj estas, kiel ĉiam, la disputoj en niaj vicoj, la suspektemo, la envio, la „superregemo, la personaj ambicioj. Sed ĉio montras al ni, ke nun la esperantistaro estas tute prudentigita de la diversaj krizoj eksteraj kaj internaj, en la lastaj jaroj venke elportitaj. La granda amaso de niaj samideanoj estas firme decidita resti trankvilanimaj kaj fidoplenaj, eĉ en la ŝajne plej gravaj okazoj. Esperantismo fariĝis matura; ĝi ne plu havas la timojn de la infaneco, nek la utopiajn entuziasmojn de la juneco; sed ĝi havas la prudenton kaj memfidon, el kiuj konsistas la potenco de la plenaĝeco.

*Esperanto kaj paco*

VI. Ĉu Esperanto havos senteblan influon sur la internacia paco, tio dependas ne de Esperanto mem, sed de la Esperantistoj. La tre multaj personoj, kiuj pli malpli bone scias Esperanton — certe ne malpli ol unu miliono — sed ne uzas ĝin por internaciaj celoj, nenion scias pri nia movado, ne legas niajn librojn, niajn gazetojn, ne partoprenas en la vivo de niaj societoj, en niaj kongresoj, havas neniun influon en la mondo kiel esperantistoj. Pri la aliaj — kelkaj dekmiloj — mi senhezite asertas, ke la plimulto da ili estas inklinaj je filantropiaj ideoj, je entuziasmo por noblaj celoj kaj ideoj, kaj ĝenerale multe pli abomenas la diversajn manifestadojn de ĉiunacia ŝovinismo ol la aliaj homoj, kaj mi plej sincere proklamas, ke, se mi ne estus plene konvinkita, en la fundo de mia animo, per mia jam dekjara partoprenado en la esperantista movado, ke niaj samideanoj, preskaŭ senescepte, ĉiutage kunlaborados por alporti pli da paco inter la homoj, mi tuj, laŭ la energiaj paroloj de nia majstro en la Ĝeneva kongreso, elŝirus el mia brusto la verdan stelon.

*Th. Rousseau.*

# Kondolencesprimoj

El malproksime ni ankoraŭ ricevis la jenajn kondolencajn leterojn okaze de la morto de S-roj Bolingbroke Mudie kaj Rousseau:

„Petrograda Societo Esperantista „*Espero*" ricevis la malĝojan sciigon pri la morto de via estimata vicprezidanto, S-ro Th. Rousseau, kaj esprimas al UEA sian koran kondolencon kaj bedaŭron pri la perdo de tiom modela kaj talenta samideano. — Prezidanto: *Timoteo Ŝĉavinski.* Sekretario: *S. Hajdovski.*

De S-ro Edgar A. Pryke, Del. en Barraba, N. S. W., Aŭstralio:

„Kun granda bedaŭro mi sciiĝis pri la mortoj de niaj estimindaj kaj honorindaj Prezidanto kaj Vicprezidanto, S-roj Bolingbroke Mudie kaj Théophile Rousseau, ambaŭ kaŭze de la terura interhoma buĉado, kaj mi rapidas esprimi al la Asocio kaj per tio al iliaj funebrigitaj parencoj miajn plej korsentajn kondolencojn. Vere, ili estas senvivaj, sed iliaj laboroj estas senmortaj, kaj ni devas ankoraŭ teni la devizon, kiun ili tiel energie vivigis ‚Ĉiam antaŭen'. Ke ili ripozu pace!"

# Esperantia Parolejo

## La Internacia Eksperimento

Esplorante la statistikon pri nia movado, oni trovas, ke la kreskado dum la lastaj jaroj estas sufiĉe priparolinda, kiam oni memoras, ke la propagandado estas farita precipe laŭ la paca kaj frateca vidpunkto, sed kioma estus la amplekso de nia afero, se ni estus povintaj fari tiom da laboro laŭ la praktika kaj komerca vidpunktoj.

Ni ja scias, ke tio postulus aŭ grandan kapitalon aŭ specialajn cirkonstancojn, kaj ĝis nun la sorto ne donis al la Esperantistaro milionulon kun malfermita monujo je la dispono de niaj propagandistoj, tamen, rezultate de tiu ĉi terura mondmilito la specialaj cirkonstancoj jam venis (estas malbonega vento, kiu neniam venigas bonajon) kaj nun ni nepre devas memori la vortojn pri la plentajdo kaj profiti la okazon per tuja kaj forta agado.

Ne estas necese hodiaŭ klarigi la specialajn cirkonstancojn, ĉar ĉiu jam legis preskaŭ ĉiutage pri la komercado postmilita, kiu devos stariĝi inter Rusujo kaj Anglujo se lingvobarilo ne tion malhelpados. Ni Esperantistoj bone scias pri la malfacilaĵoj en la rusa kaj angla lingvoj, kaj ni ja scias, ke la Zamenhofa lingvo estas la solvo de tiu lingva problemo, sed kiel komprenigi tiun fakton grandmaniere kaj ĝustatempe al la popoloj? Nehavante kapitalon, ni devas trovi alian rimedon, kaj pro tio la *Internacia Esperanto-Eksperimento* estas organizita „por pruvi en kiel eble plej multe da landoj, ke post nur tri-monata lernado de Esperanto oni povas facile entrepreni internaciajn komercajn rilatojn, dum nacia lingvo postulus almenaŭ 3 jarojn".

*Por sukcesigi la Eksperimenton*

Oni devas starigi trimonatajn kursojn en ĉiu grava urbo. Ju pli multe da kursoj, des pli granda kaj rapida la rezultato. Se eble, la kursoj devus esti senpagaj, sed ne necese, kaj se iu Eksperimenta Kurso malhelpus ordinaran kurson, kunigu ilin kaj elektu la plej lertajn studantojn por la internaciaj pruvoj, kiuj kredeble okazos en januaro kaj marto 1917.

Aranĝu, *se eble*, ke la kursoj komenciĝu dum la unua semajno de oktobro 1916; ankaŭ invitu ĵurnalon aŭ publike konatan personon, ke ĝi aŭ li certigu kaj atestu pri la komenciĝa kaj finiĝa datoj, kaj atentigu la alilandajn konsulojn pri la afero.

Por ricevi la necesajn lernantojn metu anoncon aŭ artikolon en la lokajn ĵurnalojn, kaj skribu leterojn al komercistoj, petante, ke ili sendu komizon aŭ komizojn al la kurso.

La nombro da studantoj ne gravas, povas esti pli aŭ malpli ol 20.

En Londono la kursanoj instruiĝos dufoje ĉiusemajne, faru same aliloke se eble.

Fine, faru kiel eble plej multe da bruo pri la eksperimento, kaj sendu al la Iniciatinto ĉiujn detalojn pri la kursoj aranĝitaj kune kun ekzemplero de l' anonco aŭ alia reklamo farita.

* * *

La unua cirkulero pri la ideo estis dissendata en julio, la dua en septembro, kaj jam la afero estas sesnacia. Partoprenos Rusujo (Odessa, Astraĥan, Tiflis, eble aliaj), Francujo (Beauvais, Angers, Nice, eble Parizo kaj Bordeaux), Hispanujo (Madrido), Norvegujo (Kristiania), Britujo (Birmingham, Burnley, Belfast, Cork, Dublin, Edinburgo, Glasgovo, Huddersfield, Londono, Sheffield, eble aliaj) kaj Japanujo (Hiroŝima). Laŭkutime la britoj malrapide komprenis la signifon kaj povon de tiu ĉi nova propaganda ideo, kaj riveroj da inko elfluis el la organizista plumo por klarigi kaj kuraĝigi al la insulanaj samideanoj, sed fine ili komprenis, kaj, kiel kutime, kvankam malrapidemaj je la komenco, ili „atingas la celon en gloro". Rilate al la ceteraj kvin nacioj, ne estis necese skribi kromajn leteregojn, ĉar tiuj, kiuj akceptis la proponon tuj agis kaj faris la necesajn aranĝojn.

Eĉ nun ne estas tro malfrue partopreni, ĉar efektive la samtempa komenciĝo ne gravegas, do ni esperas, ke baldaŭ aliaj urboj en la diversaj landoj aliĝos. Al ĉiuj, kiuj jam respondis, kaj precipe al tiuj, kiuj sendis ĵurnalojn, flugfoliojn, k. t. p., dankegon.

Antaŭen, al la venko por Esperanto. — *S. R. Marshall.*

## Pri la propagando en Portugalujo

Celante akceptigi nian lingvon ĉe la Poŝta Cenzura Komitato, la Lisbona Societo tre laboris, sed fine tute sukcesis.

La cenzura afero tre interesis la ĵurnalaron, kaj pro tio la nuna movado estas grava en Portugallando, precipe en Lisbono.

Ĉiuj ĵurnaloj el ĉiuj politikaj partioj parolis pri Esperanto, komprenante la gravecon de nia afero, kaj la celon de nia propagando.

Ĉe la militdeklaro dekreto aperis, permesanta nur la francan, anglan, hispanan, italan kaj portugalan lingvojn; pro tio la Lisbona Societo ankaŭ vidis siajn kursojn per korespondado nuligataj. Ĝi komencis do interesi la ĵurnalojn, peti la aliĝon el ĉiuj provincaj samideanoj kaj grupoj, fari la plej grandan kaj plej taŭgan propagandon. Biletoj, leteroj subskribitaj de multe da Esperantistaj provincanoj komencis esti ricevataj kaj ankaŭ la plenaj povoj de kelkaj societoj tiaj kiaj „Verda Madeira Stelo" k. c., kaj kuraĝigoj de Lisbona Esperantista Grupo, k. t. p. Ni telegrafis al la Financa Ministro, al la Labora Ministro, al la estro de la Cenzura Poŝta Komitato kaj poste tiom da penoj, ni fine trafis preskaŭ nian celon, ĉar oni nuligis la unuan dekreton anstataŭigante ĝin je dua, kiu permesas ankaŭ la aliajn lingvojn, sed trudante ilin laŭ laŭvola ordo.

Tiu decido ne kontentigis nin, kaj ĉu per ĵurnaloj ĉu per petadoj, per telegramoj, ni prilaboris pri la venko, kiun ni vidis alproksimiĝanta. Verdire, ni, post semajna laboro, ricevis oficialan leteron el la Cenzuro dirantan, ke ĉiu Esperanta korespondado estus vidota de S-ro Kapitano Acacia Lobo, nia societano kaj cenzuranto. Post tio „Diario de Noticias" publikigis ĉiutage sur la unua paĝo notojn pri la kunsidoj de la Lisbona Societo, la salutojn kaj gratulojn kaj kuraĝigvortojn al la Societo pro ĝia agemo.

S-ro Saldanha Carreira, sekretario de la Lisbona Societo, estas intervjuita de la nokta ĵurnalo „A Capital", kiu publikigis la intervjuon honorloke sur la unua paĝo. La „Diario de Noticias", „A Republica", „A Luta", „O Século", „O Século da Noite", „A Capital", „A Opiniao", „Os Ridiculos", „O Suplemento do Século", kunlaboris kun ni ĝis la venko.

Nur la „Diario Nacional" kaj „A Ordem" priparolis kontraŭe kaj malserioze. Ili akre kulpigis la Esperanton esti liberpensema kaj malŝtatigema.

Sekve la Lisbona Societo invitis la redakciojn de la ĉefaj ĵurnaloj ĉe nin kaj ankaŭ la „Diario Nacional" kaj „A Ordem" alesti, en la granda salono de la Komerca Ateneo, paroladon de S-ro Saldanha Carreira, kiu parolis dum pli ol unu horo bone pruvante la diferencon, kiu estas inter la du ideoj: la interŝtatigo kaj la malŝtatigo.

Ĉar la reprezentantoj de la kontraŭaj gazetoj ne kunvenis, S-ro Saldanha Carreira sendis al la ĉefredaktoroj eltiraĵon el sia parolado, petante de ili la grandan favoron, skribi sur la ĵurnaloj la kontraŭajn argumentojn.

Neutila peto! La du ĵurnaloj, la sekvantan tagon, mokis la ideon, dirante, ke ili ne malesperis vidi S-ro Saldanha Carreira kaj liaj *fratoj*, sur la stratoj de la urbo, vipante ilin.

Tiu ĉi sinjoro respondante skribis sur la „A Capital" unuapaĝe gravan artikolon, kiu tre interesis la publikan opinion kaj igis, ke la „A Ordem" promesis la interdiskutadon.

S-ro Martins d'Almeida estas ankaŭ intervjuita en la ĵurnalo „A Ultima hora" kaj aperis iaj artikoloj verkitaj de S-roj Carreira e Silva, Adelino de Carvalho kaj Saldanha Carreira, montrantaj, ke Esperanto ne povas esti kulpigita pri la malsamaj pensmanieroj de l' homo.

La Direkcio de la Lisbona Societo estas ricevita de la Moŝto Prezidanto de la Ministraro S-ro D-ro Alfonso Costa, kiu nomis la Esperantan batalaferon tre homama, altruisma kaj inda de la plej granda simpatio. Li promesis al la Lisbona Societo sian protekton favore al Esperanto por la estonteco.

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *I. H. Krestanof,* Esp-iano el Pirdop (Bulgarujo), dankas S-ron Karsch, Del. en Dresden, Petzold, Bennemann kaj F-inon Wunderlich, el Leipzig, pro iliaj afablaj servoj.

## Informo

.·. S-ino *Henriet-Nolotte,* anst. Del. en *Dijon,* sciigas al S-ro Massabki en Kairo, ke ŝi respondis al lia informpeto de la 29 decembro 1915, sed ke tiu respondo, datumita 1 marto, revenis la 2 oktobro.

# Alvokoj

## Mi serĉas eldoniston!

Mi dezirus komenci sisteman tradukadon de diversaj plej famaj verkoj el la tutmonda literaturo. Sed bedaŭrinde mia financa situacio ne permesas al mi entrepreni tian laboron proprarimede; tial mi serĉas ian bonhavan eldoniston, kiu volus preni sur sin tiun entreprenon. Kiu havas la intencon, preni sur sin tiun aferon, volu min sciigi, en kia formo kaj sub kiaj kondiĉoj li dezirus tion fari.

*L. L. Zamenhof,*
41, str. Królewska, *Varsovio.*

## Enketo per Esperanto

S-ino E. S. Bruijn-Bruggeman dezirus malfermi enketon pri la stato de la obstetriko (akuŝ-arto) en la diversaj landoj. Ŝi volonte ricevus de *siaj* koleginoj-akuŝistinoj informojn pri la stato de la akuŝ-arto, la sociala pozicio kaj la edukado de la akuŝistinoj, la diversaj leĝoj pri la akuŝ-arto, k. c.. Ju pli detalaj la leteroj estos, des pli agrabla por ŝi, kiu la rezulton de tiu enketo publikigos en sia profesia organo kaj per tio ne rekte servos la Esp. propagandon.

Adresu la respondojn al: S-ino E. S. Bruijn-Bruggeman, 37, Paul Krugerlaan, Hago (Nederlando).

## Por interhoma frateco

Sub la nomo „Informilo" ni intencas eldoni jurnalon, kies tasko estas registri kaj priskribi ĉiujn iniciatojn celantajn al la realigo de pli justa, ol la nuntempa, vivo.

Interligante pere de nia jurnalo la disajn organizaĵojn kaj personojn, laborantajn tiudirekte, ni esperas akceli la eltrovon de la plej taŭgaj vojoj, kondukantaj al la interhoma frateco.

Unuavice ni penos registri ĉiujn grupojn, kiuj sin okupas pri terkulturado kaj juste distribuas inter la laborantoj la produktaĵojn de ilia laboro, kaj la edukejojn, kie la terkulturado kaj la manlaboroj estas serioze aplikataj.

La „Informilo" estos presata en Esperanto, sed ni zorgos, por ke ĝia enhavo estu ankaŭ diskonigata per laŭeble plej multaj naciaj lingvoj. La rusa traduko aŭ ĝia resumo aperos en la jurnalo „Jedinenje" (Unuiĝo).

La supre aluditan ampleksan laboron ni povos efektivigi nur, se ni trovos sufiĉan kvanton da samcelanoj, dissemitaj tra la terglobo, kiuj deziros partopreni nian laboron, konigante al ni ĉiujn presaĵojn, traktantajn la interesantajn temojn kaj informante nin pri ĉiu samcela iniciato, konata al ili.

Ĉi tiu alvoko celas interrilatigi nin kun la bonvolemuloj, kiuj deziras helpi nin. Ili estas petataj informi nin, kiamaniere ili mem estas pretaj kunlabori kun ni, kaj konigi al ni la adresojn de aliaj, konataj al ili samcelanoj.

Por ebligi al personoj, dezirantaj asociiĝi, trovi sin reciproke, ni intencas malfermi specialan fakon en la jurnalo sub la nomo „Proponoj". En tiu fako 1e la ekzistantaj entreprenoj povos inviti kunlaborantojn, 2e disaj aspirantoj povos serĉi konvenajn entreprenojn, 3e terposedantoj povos proponi konvenajn terspacojn k. t. p. En la unua numero ni presigos tiujn informojn senpage; en la sama numero ni publikigos la estontan prezon de la anoncoj.

Pro la nuntempaj poŝtaj malfacilaĵoj estus dezirinde, ke niaj korespondantoj sendu al ni siajn respondojn rekomendite, uzante la perecon de U E A, se tio estos necesa.

En la jaro 1917 ni intencas aperigi kvin numerojn de la „Informilo": en januaro, marto, majo, septembro kaj novembro. Ilia amplekso dependos de la disponota materialo. La jara abono estos 2 rubloj, la pokajera prezo 50 kopekoj. Al ĉiuj personoj, kiuj avertos nin pri sia principa deziro aboni la Esperantan eldonon de la „Informilo", ni sendos la unuan numeron.

Provizora adreso: *F-ino V. N. Stepanov,* Bankovskij 2, loĝ. 38, *Moskvo.*

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Claus,** membro N-ro 4060, el Leipzig (German.).
**Demarcy, Lucien,** el Beauvais (Franc.), filo de nia fervora samideano kaj kunlaboranto, S-ro L. Demarcy.
**Manz,** el Nellingen (German.).
**Roehl,** el Markersdorf bei Leipzig (German.).
**Schuster,** el Innsbruck (Aŭstrio).
**Süss,** el Chemnitz (German.).
**Vahlberg,** membro N-ro 4020, el Hannover (German.).
**Wünsche,** el Leipzig (German.).

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dek-sepa listo*

*Nevejans,* belga komandanto, internigita en Hotel Dent du Midi, Champéry (Valais, Svislando).
*Rudolf, Josef,* el Luditz bei Karlsbad, Orenburg, Minowoi Dvor (Ruslando).
*Petrov, Ivan,* el Akmolinsk (Ruslando), militkaptito N-ro 13,596, Kriegsgef. Lager A. Bar II, Reichenberg (Bohemujo).
*Tauche, Paul,* nova adreso: Camp. B., Hütte 54, N-ro 7212, Stobs near Hawick (Skotlando).

* * *

S-ro *Newbold, William,* filo de S-ro J. Newbold, malnova Londona Esp-isto, 1698, Rifleman Queen Victoria's Rifles „County of London" malaperis la 1 julio 1916 en Francujo.

S-ro *Sebald, Andreas,* membro de UEA, suboficiro, Bayer-Inf.-Reg. 5, malaperis ĉe la batalo apud la Somme la 15 septembro 1916.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj plenan adreson de la militkaptitaj Esperantistoj.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

BEAUVAIS (Francujo, Oise). — S-ro René Gérard, 66, Place de l'Hôtel de Ville.

BEAUVAIS (Francujo, Oise). — S-ro Jean kaj F-ino Jeanne Capelle, 9, rue des Halles.

BOBRUJSK (Ruslando). — S-ro V. Dobrovolskij, 8, Dmitrievskaja, PI (kun samideanoj de ĉiuj landoj, dez. interŝanĝi florsemojn).

GRIMSBY (Anglujo). — S-ro S. Bett, 185, Farebrother St. (pri muzikaj, literaturaj kaj aliaj temoj), PK aŭ L.

LA PLATA (Argentino). — S-ro Angel Tagliaferri, 539, Str. 3, PK, PM.

LUGANO (Svisujo). — S-ro Al. Benicchio, Casella Postale 19,636.

MEAUX (Francujo, Seine-et-Marne). — S-ro Gaston Tunc, Sergent, 251e Reg. Inf., en convalescence, 15, Avenue de l'Opéra.

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Antono Zorrilla de San Martin, 493, strato Rincon, PI, bfl.

MOSKVO (Rusujo). — F-inoj Katjo kaj Anjo Ĵeltov, Razgulaj dom 38, 2, kv. 9, PI, L, PM.

MOSKVO (Ruslando). — S-ino N. S. Protopopova, Novinskij bulva, dom. Knjazevoj 2 Prijut (kun ĉiulandanoj).

OREL (Ruslando). — S-ro Boris Popov, Bolŝaja Meŝĉanskaja, dom Laranlova, L, PK (pri ŝakludo).

REGENSBURG (Germanujo). — Esperanto Lega Rondo, Stahlzwingerweg 10, I. (Esp. gazetoj).

SAMARA (Ruslando). — S-ro Jak. Vilkoviĉ, Poŝtkesto 148, PI (urbaj vidaĵoj).

SANTANDER (Hispanujo). — S-ro José Pedraz, 32, Rua Menor, 2., PM, PI, L, gazetoj Esp. kaj neesp., Esp., france, portugale, hispane (precipe kun civil- kaj militkaptitoj kaj soldatoj de norda kaj orienta Eŭropo).

SARATOV (Ruslando). — S-ro A. V. Sajapin, 102, Aleksandrovskaja, kv. 1 (pri sciencaj problemoj, kiel materio, steloj, apero de nia suna sistemo, historio de la tero, historio de la homaro, estonteco de la homaro, de la tero, de la suno).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ESPERANTISTAJ GAZETOJ. — Mi deziras aboni ĉiujn Esp. gazetojn. Sendu ekz. Post ricevo de la unua N-ro mi sendos la monon. Adreso: S-ro Allende, Deputacion, *Bilbao* (Hispanujo).

MALAPERINTOJ. — S-ro J. Kulitan, Membro de UEA 10,474, serĉas siajn parencojn, kiuj restis en la vilaĝo „Bojari No. 47", subdistrikto Garsen, distrikto Illuxt, Kurlando. La personoj serĉataj estas: S-ro Kasimir Kulitan, S-ino Ilzo Kulitan kaj F-ino Maria Kulitan. Samideanoj, kiuj ion povus eksciî estas petataj sin turni al la C. O. de UEA. Eventualajn elspezojn oni repagos.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO